**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## Novaj prezoj! Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj! El tiuj ĉi prezoj ne plu estas favoro por malbonvalutaj landoj

| | Bindita malnova | Bindita nova | Broŝurita malnova | Broŝurita nova |
|---|---|---|---|---|
| | p r e z o | | | |
| * Julio Baghy: Dancu Marionetoj | 5.40 | 1.70 | 3.40 | 1.20 |
| " " Viktimoj | 6 20 | 3.10 | 5.— | 2.50 |
| " " Hura tolbind. 11.20 7.20 | 9.30 | 6.90 | 7.40 | 6.— |
| " " Preter la Vivo | 3.30 | 2,20 | 2.— | 1.50 |
| " " Pilgrimo | 3.30 | 2,10 | 1.80 | 1.50 |
| * K. Kalocsay: Lingvo Stilo Formo | 4.50 | 1.90 | 3.— | 1.— |
| " " Strečita Kordo | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.40 |
| * " " Rimportretoj | 4.50 | 1.30 | 3.— | 0.80 |
| " " Eterna Bukedo duontole 7.— | 11.20 | 6.— | 9.— | 5.— |
| * K Kalocsay—Madách: Tragedio de l'Homo luksa | 7.50 | 3,50 | 6.— | 2.50 |
| simpla | 6.— | 3.— | 4.50 | 2.— |
| K. Kalocsay—Goethe: Romaj Elegioj, La taglibro | 3.— | 2.10 | 2.— | 1.50 |
| * K. Kalocsay—Dante: Infero | 11.— | 5.70 | 8.80 | 4 80 |
| * K. Kalocsay—Hekler: Arthistorio I. | 15.— | 6.80 | 13.— | 6.— |
| * K. Kalocsay—Hekler: Arthistorio II. | 12.— | 7.90 | 10.— | 7.— |
| luksa | | 9.— | | 7.80 |
| K. Kalocsay—Mussolini: Vivo de Arnaldo simpla | 3 30 | 1.90 | 1.80 | 1.20 |
| luksa | 4.— | 2.50 | 2.20 | 1.50 |
| K. Kalocsay—Waringhien: Parnasa Gvidlibro | 5.— | 2.70 | 3 60 | 2.— |
| K Kalocsay—Waringhien: Plena Gramatiko de Esperanto simpla papero | 9.50 | 7.10 | 8.— | 6.— |
| luksa bindo, luksa papero | 10 50 | 8.20 | — | — |
| " " Hungara Antologio | 14.— | 7.90 | 12.— | 7.— |
| Bleier—Kökény—Širjaev: Enciklopedio de Esperanto vol. I.-II. ilustrita | 34.— | 20 50 | 30.— | 18.— |
| neilustrita en unu volumo | 20.— | 12 20 | — | — |
| Asch-Lejzerowicz: La sorĉistino el Kastilio | 5.— | 2.70 | 3.50 | 2.— |
| *Grenkamp—Brzekowski: Pri l'Moderna Arto | 9.— | 2.— | — | — |
| J. Forge: Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.50 |
| F. Szilágyi: Trans la Fabeloceano | 5.— | 2.70 | 3.— | 2.— |
| " " Poemaro el Hungarlando | — | — | 1.50 | 1.— |
| " " La Simpla Esperanto | — | — | 1.50 | 1.— |
| F. Szilágyi—Genthon: La Pentroarto en la Malnova Hungarujo | 15.50 | 9.— | 10 — | 6.— |
| Totsche—Karinthy: Vojaĝo en Faremidon | — | — | 1.20 | 0,70 |
| Totsche: De Paĝo al Paĝo | 4.— | 2.40 | 2.50 | 1.80 |
| " Dekdu Poetoj simpla | 4.— | 2.50 | 2.50 | 1.50 |
| luksa | 5.— | 3.— | 3.— | 1 80 |
| St. Engholm: Homoj sur la Tero | 5.— | 2.90 | 3.60 | 2.20 |
| " " Infanoj en Torento | 3.50 | 1.80 | 2.— | 1,20 |
| Hans Weinhengst: Tur Strato 4. | 5.50 | 2.90 | 4.— | 2 20 |
| Aisberg: Fine mi komprenas la radion | 6.— | 3.70 | 4.50 | 2.80 |
| K. R. C. Sturmer: El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 4.— | 2.10 | 2.50 | 1.50 |
| Kikuĉi—Šimomura: Amo de Toojuuroo | — | — | 1.20 | 0.70 |
| T. Herzl—B. Selzer: La Juda Ŝtato | 4.20 | 2.50 | 2.70 | 1.80 |
| Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio | 4.20 | 2.20 | 2.70 | 1.50 |
| Jelušić—Rotkvić: Cezaro | 11.— | 6.10 | 9.— | 5,40 |
| Adamson: Auli | 3.— | 1.70 | 1.80 | 1. |
| Kamaryt—Ginz: Ĉeĥoslovaka Antologio | 14.— | 7.90 | 12.— | 7.— |
| E. Privat: Interpopola Konduto | 4.20 | 2.60 | 3.— | 1.80 |
| lukse bind. 3.50 | | | | |
| Jerome—Badash: Tri homoj en boato lukse bind. 4.50 | 5.50 | 3.60 | 4 — | 2.80 |

La prezoj estas montrataj en svisaj frankoj.

Aldonu 10% de sendkostoj por la libroj, aparte ne signitaj.

Por la libroj, stele signitaj aldonu 15% por sendkostoj.

Kotizo al AELA restis la malnova.

## Rabato de 20% a' la membroj de AELA el la supraj prezoj!

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**AELA** kotizoj por 1935. estas akceptataj antaŭ ol la lasta libro de 1935. estas aperinta (proksimume en fino de februaro 1936.)

## Pagojn ni akceptas:

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, „money order" a Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

## Poŝtmandatojn, sendatajn al Budapest ni rifuzas

Poŝtmandatoj estas sendeblaj nur al la jena adreso:
PONTOWA, KASA, OSZCEDNOSCI, KRAKÓW, Polujo, Literatura Mondo Kto nr. 403.148 pagu zloty 1.73 por unu svisa franko.

## ABONPREZO AL LINGVO LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro

0.80 aŭstrajn ŝilingojn, 4.— belgajn frankojn, 8 penny, 9.— ĉeĥajn kronojn, —.60 danan kronon, 0 60 estonan markon, 4.— francajn frankojn, 0.60 markon, 1.20 peseton, 0.80 pengő, 3.— lirojn, 8.— dinarojn, —.80 laton, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon, 0.60 norvegan kronon, 0.20 zloton, 4.— eskudojn, 25.— leojn, 0.60 svedan kronon, —20 USA dolaron, 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.80 svisan frankon aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por duoblo de la supraj sumoj.**

## ABONPREZO DE LITERATURA MONDO por tuta jaro

la unua ekzemplero al la sama adreso

12.50 aŭstrajn ŝilingojn, 65.— belgajn frankojn, 0.7 britan pundon 60 — ĉeĥajn kronojn, 7.— danajn kronojn, 7.— estonajn markojn 45.— francajn frankojn, 7.50 germanajn markojn (pagatajn al nia konto en Berlin), 15.— pesetojn, 10.— pengőjn, 35.— lirojn, 100.— dinarojn, 9.— latojn, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI), 4.50 guldenojn, 7.— kronojn norvegajn, 15.50 polajn zlotojn; ..— eskudojn, 300.— leojn, 7.— svedajn kronojn, 1.80 USA dolarojn,

aŭ 9.— svisajn frankojn kaj ĉiun egalvaloron.

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas svisajn, frankojn 4.50 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

## Unu svisa franko egalvaloras la 15-an de decembro 1935.

1.75 aŭstrajn ŝilingojn; 9.70 belgajn frankojn; 0/1/4 anglan pundon 8.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 1.48 danajn kronojn; 1.25 estonajn markojn; 5.— francajn frankojn; 1.25 germanajn markojn, se pagataj al nia konto en Berlin kaj 1 50 germ. mk. se pagataj al la hungara kliringkonto aŭ per ĝiro poŝta al Budapest; 2.40 pesetojn hispanajn; 1,66 hungarajn pengőjn; 4.— italajn lirojn 15.50 jugoslavajn dinarojn; 1.40 latojn; 1.25 yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto. 2.50 lidojn litovajn; 0.50 nederlandan guldenon (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: S-ro A. C. v. Ingen. Nederlanda Esperanto-Centro, Rotterdam, W. Voorhaven 43), 1.32 norvegajn kronojn; 1.73 polajn zlotojn; . portugalajn eskudojn; 45.— rumanajn leojn; 1.30 svedajn kronojn; 0.33 USA. dolaron, aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kursoŝanĝoj.

Ĉi tiu kaj la sekvaj numeroj estas kaj estos iom pli maldikaj, ol la aliaj antaŭaj. Tio okazas, ĉar niaj abonantoj ricevos la tiel »forŝtelitajn« paĝojn en la *Jubilea Libro* pri Baghy kaj Kalocsay, aperonta en oktobro.

# La ŝtona gasto

**— Roda Roda —**

„Mi amis vin pro viaj aventuroj —
Pro mia kompatem' vi amas min"
**Desdemona**

Sinjoro Radnay opiniis, ke ŝia filino aspektas malsane kaj venigis kuraciston.

Olga estis iom ĝenata. Dio mia, la kuracisto estas juna, sana kaj ne havas nervojn. Kiam li rigardas ŝin tiel akra-vide, ŝi hontas, ke ŝi lasas al si priskribi fersirupon kaj devas obee engluti ĝin trifoje tage.

Cetere, pri tiu ĉi paleco: doktoro Wendel certe estas tre kapabla en sia fako — sed nenia fersirupo helpos kontraŭ la paleco de Olga. Io konsumas ŝin, kies nomon ŝi mem ne scias. Sed se kapitano Burger ne estus prezentita al ili — ŝi neniam suferus tian turmenton.

Tamen, ŝi ne volus malhavi kapitanon Burger. De kie li venis, la stranga homo? Kion li pensas dum la horoj, kiujn li pasigas silente en ilia rondo? Ĉu li aŭdas la ridadon de la gastoj? Ĉu li vidas la gejunulojn, kiuj babilas kaj muzikas en la salono de la patrino? Aŭ ĉu lia fulmanta rigardo vidas nur ŝin, Olgan? Ho, tiu rigardo, kiu kaptas la ekzaltitan knabinon kaj ne delasas ŝin eĉ por momento — ĝis la adiaŭo . . .

Kial ŝi sola estis kaptita de lia sorĉo? La patrino ludas bridĝon kiel ĉiam en la ĉeesto de Burger — doktoro Wendel babilas — la patro havas sian kutiman distritan rideton . . .

Ili baptis lin la ŝtona gasto kaj asertas, ke li afekte pozas. Olga scias tion pli bone. Ne, tiuj morte malgajaj okuloj ne mensogas. Terurega travivajo devas pezi sur Burger.

*

»Olga,« vokas sinjorino Radnay el la apuda ĉambro, »Kion vi faras? Kial vi ne dormas?«

La knabino saltleviĝas. Mia Dio, kiel ŝi ektimis! Ŝi pensis . . . Nu, ĉu ŝi kredas je fantomoj kaj aperajoj?

Tremfingre ŝi estingas la lumon. Malrapide rampas la horoj. La stratbruo preterruliĝas mallaŭtigite, ĉar la vilao de la Radnay-familio staras en distingita soleco.

Ĉirkaŭ noktmezo oni estingas ekstere la lanternojn — nun la dormo-ĉambro de Olga iĝas tute kvieta kaj senluma. Dormas ĉio. Kaj neniu pensas pri tio, ke Olga Radnay turmentas sin por trovi la kialon de la melankolio de kapitano Burger.

*

Marde sinjorino Radnay havas sian akcepto-tagon. En la salono sidas amaso da dignaj sinjorinoj, en la fumejo la sinjoroj kartludas. Estas plej vigle ĉe Olga. La filino de ministra konsilanto ludas tangon kaj daŭrigas post multaj petoj per popolkanto. Duonkreskintaj bubinetoj sidas ĉirkaŭ la tetablo kun albumoj sur la genuoj.

Malantaŭ la fortepiano staras du seĝetoj. Tie sidiĝis Olga kaj doktoro Wendel. Antaŭe oni multe ŝercincitis Olgan pro doktoro Wendel. De kiam la ŝtona gasto venis, oni ne plu faras tion . . .

La kuracisto sidas iom klinite antaŭen kaj suprenrigardas al Olga. El liaj okuloj elrigardas supereco kaj deziro.

»Kiel vi defendas lin, Olga! Kaj mi nur asertis, ke sen la kapitano estus pli hejmece agrable ĉe ni.«

»Vi estas envia, doktoro!«

»Ne, ĵaluza.« — li klinas sin pli proksimen al ŝi kaj flustras . . .

La sango fluegas al ŝia kapo; ŝia mano tremas . . .

*

De tri tagoj Burger ne estis ĉe la familio Radnay. Olga ne povas kompreni, kie li restas. Ĉu li malsanas — forlasite, ĉenita al sia lito?

Senokupe ŝi sidas ĉe la fenestro. La patrino envenas havante la ĉapelon sur la kapo, preta foriri. — »Vere vi povus min akompani, filineto. La freŝa aero estus por vi bona.«

»Ho, dankon, patrino, mi preferas resti hejme.«

»Vi iĝas vera ĉefornsidantino, melankolia spirito, laŭ Burger.«

Olga rigardas sian patrinon rekte en la vizaĝon: »Patrino, mi petas vin: moku pri io ajn, nur ne pri Burger. Tion mi ne povas aŭdi.«

Sia voĉeto tremas kaj sangondo kolorigas ŝiajn vangojn.

Longe tirata fajfado ŝvebas sur la lipoj de la senceremonia sinjorino Radnay. Sed ŝi prudente subpremas tiun signon de kompreno. »Tiiiel!« ŝi diras, kaj leviĝas. »Tiiiel! — Dio gardu vin, etulino! Enuigu vin laŭeble plej amuze! Mi venos ĉirkaŭ la sepa.«

Sinjorino Radnay subeniras la ŝtuparon. »Tiiiel,« ŝi ripetas en siaj pensoj. »Tiel estas la afero. Do oni metos ĝustatempe seruron antaŭ la pordon kaj iomete malfunkciigos la interesan viron.«

Duonhoron poste, ŝi miksas la bridĝkartojn ĉe sinjorino de Töring kaj ne suspektas, ke ŝia ŝafido ordonas en tiu ĉi sama momento al la servistino, enlasi la lupon — malgraŭ ke la patrino ne estas hejme.

Richard Burger nun sidas sur la loko de la patrino kaj ludas enpensiĝinte kun la multkoloraj fadenoj de brodajo.

Olga atendas, ke li ekparolu.

»Kial vi estas ĉiam tiel malĝoja, sinjoro kapitano?«

Li silentas. Eble li ne aŭdis la demandon, eble li ne volas respondi . . .

»Kial?« ŝi insistas. La vorto preskaŭ forbloviĝas pro la galopanta bato de ŝia koro.

Burger apogis la kapon en sian manon. Flagras en liaj okuloj. »Jam multaj demandis antaŭ vi, Olga. Mi povis diri ĝin al neniu. Jen . . . la kompatemaj animoj retiriĝis kaj lasis min al mia sorto. Al la soleco. Se nur unu iam troviĝus, kiu helpus silente al mi porti, kiu atendus, ĝis mia animo malfermos sin al ŝi per si mem . . . Sed tia ne ekzistas en la mondo.«

Olga rigardas lin emociite. Nun, nun venis la momento, kiam la mizera viro rajtas postuli de ŝi la vivon ofere.

Malrapide ŝi etendas sian manon trans la tablon. »Mi neniam demandos.«

Li esplorrigardas ŝin, kvazaŭ ne kredante.

Jen ŝi kapjesas konfirme.

Fulmrapide li eksaltas, prenas ŝiajn ambaŭ manojn kaj skuas ilin malmilde. »Ĉu estas eble? Olga! Ĉu estas amo, kion vi sentas por mi?«

»Estas amo,« murmuras Olga, timtremante. — Li jam ĉirkaŭbrakis ŝin kaj flamigas ŝian vizaĝon per siaj kisoj.

Ne, oni ne devas ektimi de ŝia Richard. La malĝojo fuĝas, la sulkoj de lia frunto glatiĝas sub la karesoj de ŝiaj manoj. Unufoje li eĉ ekridis laŭte.

Mezen en la feliĉon akre sonas la antaŭĉambra sonorilo. Post unuminuta aŭskultado Olga rekonas la voĉojn.

# AŬSTRIAJ POETOJ

— El la germana: Jenny Weleminsky —

## Respondo

— Grillparzer —

Ĉu vi forlasis poezion?
Ne perdis mi la emon!
Se mi ne povus skribi ion,
Mi vivus la poemon.

Malŝati popolaĉan ŝaton,
Al si sufiĉa,
Ne fali en malvirtan staton,
Fiera, se ne riĉa.

Nek estas manko de talento,
Nek versoj raras.
Pli alta ol la mond', la sento,
Poetojn faras.

Kaj se ekzistus en la juna koro
Nur vervo suna,
Neniam disiĝanta de l' honoro,
Ĝi restus ĉiam juna.

Aliajn nur timigu minacsorto,
Ne min!
Kaj eĉ mortanta, estu mia morto
Poema fin'.

## La majstro kaj lia verko

— J. G. Seidl —

De traboj nudigita jam staras katedralo,
Tuŝante preskaŭ nubojn; la turo de la halo
Nun celas al ĉielo, fortega kaj plensorta —
La majstro staras sube, malgranda kaj malforta.

»Nun estas plenumite! Sur pergameno iam
Ĝi staris, nun en mondo, videbla kaj por ĉiam!
Cirkelo mia nokte prizorgis la desegnon,
Kaj naskis nun mil manoj miljaran ĝian regnon.

Se havus mi mil manojn, kaj ĉiu man' el ŝtalo,
Kaj ĉiuj mil alkroĉus sin al la katedralo,
Ne povus mi eĉ unu kolonon ja forŝovi: —
Mi kreis, Di' nur rompos! — Ho homo, granda do vi!«

Obstine vokas tion li al la firmamento,
Riproĉe flagras fulmo videbla en oriento.
»Sed strange« li daŭrigas, — »mi tion sola faris,
Nun altas ĝi en nokto, en vivo ĝi ekstaris.

Ĝi estas mia verko, sed ja superas min,
Revoki mi ne povas, ne povas rompi ĝin!
Se vivus mi cent jarojn, cent jarojn estus morta,
Kaj tiam mi revenus, ĝi estus same forta.

Se havus mi mil manojn, kaj ĉiu man' el ŝtalo,
Kaj ĉiuj mil alkroĉus sin al la katedralo,
Ne povus mi eĉ unu kolonon ja forŝovi! —
Mi kreis, Di' nur rompos! — Ho hom', malgranda do vi

## Kio estas amo?

— F. Halm —

Ho koro, diru kio
Do estas sento ama? —
»Animoj kun sama penso,
Du koroj kun bato sama!«

De kie venas amo? —
»Ĝi venas kaj ĉeestas!«
Kaj kiel mortas amo? —
»Se ĝi mortas, ĝi am' *ne* estas!«

Kaj la plej pura amo? —
»Forgesas sin senplende!«
Kaj plej profunda amo?
»Ĝi amas plej silente!«

Kaj kiam ĝi estas plej riĉa? —
»Sin fordonanta tute!«
Kaj kiel parolas amo?
»Silentas, ĝi amas mute!«

## La epitafo

— Anastazio Grün —

Ofte skribas vi sur ŝtonon:
»Ne havis malamikon li!«
Granda laŭdo estu ĝi,
Sed enhavas ja malbonon:
Estus ĝuste tiel bona:
Lia koro estis ŝtona,
Oni traktis lin kiel ludilon,
Oni knedis lin kiel argilon,
Blinda por la lumo estis la okulo,
Muta lia buŝo kontraŭ malbonulo.

Ne forrabu mian memoraĵon
Mian havon, plejan valoraĵon:
Malamikojn ja, kies kolero
Estis sprono, krono kaj fiero;
Do estu ŝtono mia
Sen vorto tia.

---

Estas onklino Irene kaj kuzino Marie. Animtrankvile Olga iras renkonten al la gastoj. Nenia postsigno de konfuzo. Anstataŭ tio, ŝi sentas fieran ĝojon. — Post la diversaj manpremoj kaj kisoj ŝi prezentas Richard Burger kiel sian fianĉon.

»Ja de kiam, infaneto?...« vokas la onklino surprizite. »Kaj via patrino? Via patro?«

La stranga knabino suprentiras la ŝultrojn. — »Kiam la patrino venos hejmen, ni komprenеble informos ŝin.«

La onklino kaj la kuzino interŝanĝas rigardojn. — »Kie estas do via patrino?« — La tono de la onklino estas severa.

Dum unu sekundo li tenas la manon de sia fianĉino. — »Estu firma, Olga! Estu firma!«

Kuraĝe ŝi alridetas lin. — »Vi venos morgaŭ ĉirkaŭ la dekunua, ĉu ne, Richard?«

La tri foriras.

Je la proksima stratangulo la onklino adiaŭas sian estontan nevon, dirante ke ŝi iru kun Marie al la kudristino.

Sed apenaŭ Burger malaperis el la vido, kiam la paro sin turnas al la veturilstarejo. Ili interkompreniĝis

per sola rigardo: al sinjorino de Töring! Oni vidu, kiamaniere la amegata bofratino ricevos la sciigon pri la fianĉiĝo de ŝia filino.

*

Sinjorino Radnay diras al siaj amikinoj, ke ŝi opiniis ke ŝia filino havas pli bonan guston; ĉiuokaze oni devas havi kuraĝon por vegeti kun tia senĝoja ulo. La patro enterigas siajn esperojn pri agrabla bofilo, kun kiu oni povus kartludi dum la longaj vintraj vesperoj. Pri la decida interparolado inter patrino kaj filino oni ne aŭdas eĉ vorteton, ankaŭ ne en la plej bone informitaj rondoj.

Do tiel Olga kaj Burger estas gefianĉiĝintaj.

De kiam ili iras la vojon duope, Burger ne plu estas tiel malĝoja. Des pli turmente lia sekreto mordetas je la koro de la bedaŭrinda Olga. Sed ŝi persistas kaj ne demandas. Kiam gaja brilo traglitas sur liaj trajtoj, ŝi estas feliĉa.

Ŝi scias, ke ĉiu alia knabino en ŝia loko elektus doktoron Wendel. Sed pro nenio en la mondo ŝi ŝanĝus la timplenan plaĉon por la vivanta enigmo.

*

Oni ludas la operon »Othello«. La familio Radnay sidas kun la kapitano en loĝio. Sinjorino Radnay opinias la bonan Burger aĉa, kaj mencias sian suspekton, ke lia melankolio venas de digesta perturbo. Kaj la teatraj scenoj, kiujn li ĉiam ludas! Nur hieraŭ estis denove sceno. Hodiaŭ estas unu el liaj maloftaj ĝentilaj tagoj. Desdemona sur la scenejo kantas:

»Mi amis vin pro viaj aventuroj,
Pro mia kompatem' vi amas min.«

Jen, la manoj de la fianĉa paro trovis sin kaj kuniĝis kun forta premo.

Ridetante Olga sidas ĉe lia flanko. Dum la interakto ili babilas kune mallaŭte. Sinjorino Radnay denove ekhavas iom da konfido al la estonteco de sia ununurulino. Eble li tamen evoluos en tolereblan homon.

Poste venas la fina sceno. Othello anoncas al sia edzino, ke ŝi mortos per lia mano.

Subite Burger staras rekte, ambaŭ manoj fiksapogas sin sur la loĝia rando, li antaŭenŝovas la kapon. Liaj dentoj klakas aŭdeble.

»Richard! Richard!« flustras Olga petege kaj tiretas lian manikon.

La gepatroj ne aŭdas; ilia tuta atento estas turnata al la bravega Othello.

»Richard!«

La kurteno falas. Aplaŭdado kovras la akran krion, post kiu Burger falas teren svenante.

... »Tiamaniere oni ne povas daŭrigi — oni devas fari ion«, diras patro Radnay al patrino Radnay, kiam ili priparolas la strangan okazajon en la silento de sia dormoĉambro.

*

La postan tagon Olga aspektas ne dorminta kaj havas postplorajn okulojn. Pro tio la patrino estas malbonhumora. Ŝi decidis konsulti doktoron Wendel.

Vespere Burger venas. »Kion vi devis pensi pri mi, patrino?« li demandas spione.

Ŝi sekvas sian politikon, la malfeliĉiga fianĉeco rompiĝu — sed sen ekscito.

»Kion mi pensis, kara Burger? Ke vi estas muzikfrenezulo kaj tre nervoza.«

Liaj okuloj ekbrilas kontente. Li aspektas terura hodiaŭ. Lia vizaĝo estas blanka kaj pinta, ruiniĝinta. Liaj manoj tremas.

Post la vespermanĝo la fianĉa paro sidas en la salono. Apude la gepatroj mallaŭte interparolas kun doktoro Wendel.

Delikate ŝi ŝovas sian manon en la lian. — »Richard, mi promesis al vi ne cerbumi pri via sekreto. Sed ĉu ne estus pli bone, se vi dirus ĝin al mi? Mi tiel amas vin, Richard!«

»Richard«, ŝi rec komencas, ankoraŭ pli timeme — diru ĝin al mi!«

Li ekzamenas ŝin per brilantaj okuloj. — »Jes, mi diros ĝin al vi. Ĉu vi ĵuras, ke vi silentos? Vi ĵuras? Je via animo?«

»Je mia animo.«



Corinth: *Tirola pejzaĝo*

# LA SVATANTO

— de L. N. Newell —

En Eŭropo oni plej nature kaj facile amikiĝas al fraŭlino se oni estas fraŭlo; la honestaj knabinoj ne kutimas altiri la atenton de la edzoj. Kontraŭe, en Egiptujo, mi konatiĝis kun Nigma ĝuste tial, ke mi ne estis fraŭlo, sed respektinda kaj sendanĝera edzo. Se oni vidus ŝin parolanta al mi (diskrete, kompreneble, sen troa ridado), tamen ne povus esti skandalo; se oni estus vidinta ŝin babilanta kun juna senedzina viro, ŝia reputacio estus ruinigita por ĉiam, kun, por egiptino, teruraj sekvoj.

Iam mi instruis en knabina lernejo, kaj tie, en la porinfana fako, instruis ankaŭ Nigma Jusef. Mi tuj rimarkis ŝin, ĉar inter siaj taskoj, ŝi devis ankaŭ prizorgi la tabelon de la lecionoj por la duagradaj klasoj, kaj mi devis aranĝi mian laboron konsulte kun ŝi.

Ŝi tiam havis proksimume dudek-kvin jarojn, kaj estis mezalta, kun korpo svelta kaj tre gracila; kaj kiam ŝi forgesis, ke ŝi devas imiti la eŭropajn sinjorinojn, ŝi sin movis sufiĉe bele. Kion plu? Tre nigraj haroj — longaj, kompreneble; grandaj nigraj okuloj, blankegaj dentoj, lipoj iomete tro larĝaj, haŭto malpale bruna. Ŝi ofte ridis, kaj ŝia esprimo estas afable mokema. La voĉo estis iom raŭka, sed ne malagrabla; ŝi estis helpema, kaj ŝajnis bonkora.

Kun mi ŝi evidente volis amikiĝi, pro du kialoj: unue, ŝi ŝatis ĉion eŭropan, kaj kompense malŝatis preskaŭ ĉion egiptan; due, mi flue parolis la francan lingvon, kaj ŝi tute ne parolis la anglan lingvon. Simile al tre multaj egiptinoj el la »respektindaj« familioj, ĉu mahometanaj, ĉu kristanaj, ŝi estis edukita en franca lernejo — ĉu laika, aŭ religia, mi ne plu memoras. Kredeble religia, ĉar Nigma estas koptino, kaj la koptoj preferas la kristanajn lernejojn.

Ĉe nia unua intervjuo, la franca lingvo tuj faris ligon inter ni; mi ĝojis, ĉar mi povis paroli al ŝi senpene, anstataŭ paroli malrapide kun iu, kiu apenaŭ komprenas la anglan lingvon; ŝi ĝojis, ĉar ŝi povis rilati kun eŭropano.

Tamen, la unua interparolado ne estis sen danĝero. Kiam ŝi estis aranĝita la horojn de miaj lecionoj, ŝi diris al mi, kun la surfaca rideto de tiu, kiu estas preta ofendiĝi, »Vi ne ŝatas akcepti ordonojn de virino, ĉu? Kaj precipe de brunulino kia mi?«

Evidente komplimento estis necesa, kaj mi faris mian eblon.

»Kontraŭe,« mi respondis, »ĝi faras nuran laboron efektiva plezuro. Kaj, se vi scius kiom mi suferis por brunigi mian haŭton! Ĝi estas la koloro, kiun mi plej admiras.«

Cetere, en tiu komplimento troviĝis apenaŭ mensogeto. Ŝi nomis min flatemulo, sed ridetis kontente; kaj mi rimarkis, ke mi ne estas farinta al mi malamikon. Ŝi diris jam de la komenco la familiarajn *tu* kaj *toi*, kiel tre multaj egiptoj france parolantaj.

Tio estis mia unua percepto pri ŝia preskaŭ malsana sento pri la propra senindeco, ŝia timo pri malrespekto aŭ malestimo; ŝi deziregis esti eŭropanino, kaj dolore konsciis, ke ŝi estas »nur« (la vorto estas ŝia, ne mia), nur egiptino brunhaŭta. Ŝi mem proponis, ke mi malestimu ŝin, ĉar ŝi bezonis aŭdi mian aserton, ke mi tute ne malestimas ŝin.

Poste, ŝi tre ofte kaptis la okazon alparoli min, kiam mi eliris klasejon post leciono; ŝi kvazaŭ embuskis min, kaj alpafis al mi torenton da francaj frazoj. Tamen, mi ne tro lasis mian viran memestimon fieriĝi; mi sciis, ke ŝi ne persekutas min ĉar mi estas mi, Noel Mansell; eĉ ne tial, ke mi estas virseksulo; sed nur tial, ke mi estas tre blonda membro de la angla raso; kaj ĉar tio estis honoro, kiun mi partoprenis kun kvindek milionoj da aliaj homoj, mi ne tro vantis mian allogon.

Ŝi parolis pri diversaj aferoj, ne tre interesaj: pri la klimato, pri la lernejaj ferioj, pri la karaktero de miaj instruatinoj, kaj similajoj. Tamen, nia rilato progresis ĝis la punkto, kiam mi povis inviti ŝin temanĝi kun mia edzino kaj mi en nia hejmo.

Ŝi levis la kapon kun rapida rideto, kiam mi diris tion; konfirmante mian suspekton, ke ĝi estas esperinta tiun inviton jam de longe. Tamen, ŝi devis antaŭeviti repuŝon al ŝia fervoro, kaj diris, »Vi estas tre afabla. Sed kial via edzino interesiĝas pri egipta instruistino? Ŝi ne vere deziras renkonti min.«

Mi estis alkutimiĝinta al ŝi, kaj havis mian respondon preta. »Sed, fraŭlino, mi multe parolis al ŝi pri vi, kaj ŝi senpacience atendas la okazon vin vidi. Ĉu proksiman jaŭdon?«

»Mi ne scias, ĉu mi povos. Petu, ke ŝi sendu al mi invitleteron, kaj tiam mi sciigos vin pri la afero.«

Tion mi ne estis atendinta; sed post momento mi divenis la veron, kiun ŝi ne volis konfesi. Respektinda egipta fraŭlino ne povas viziti amikojn sen la permeso

---

»Ĉu ĝis via mortohoro?«

»Ĝis mia mortohoro. — Diru ĝin, Richard!«

Subite li turnas sin al ŝi. Malmilde li ĉirkaŭprenas ŝian brakon per siaj fingroj kaj siblas en ŝian orelon:

»Mi iam virinon . . . mortigis. Ĉu vi komprenas? Ŝi ridis. Mi ne toleris aŭdi tion. Kaj ŝi daŭre ridis. Do tiam mi fermis al ŝi de malantaŭe la okulojn kaj la buŝon — ĝis ŝi estis morta. Ekstere en la arbaro. Poste mi trenis ŝin per la haroj — en la dornajon. La sango fluis super ŝian blankan veston. Longa tempo pasis de tiam. Kvintcent jaroj. Sed . . . ŝi ne estas enterigita. Tie ŝi kuŝas — en sia sanga, blanka vesto — en la dornajo — kaj atendas. Kiam oni trovos ŝin, ŝi diros, ke estis mi kiu faris tion. Jam de longe ili suspektas min. Ili ŝtelkaŭre atendas min — detektivoj ŝtelkaŭras ĉirkaŭ mi. Ĉu vi komprenas? Ĉar mi estas suspektata.«

Olga fiksrigardas lin kun muta teruro.

La patro, la patrino, doktoro Wendel enrapidegas la salonon.

Wendel vidas flagri frenezon en la okuloj de Burger — li vidas Olgan duonmorte genui sur la tapiŝo.

»Tuj mi venos kun vi, sinjoro kapitano! Unu momenton.« — Li puŝas Olgan, kun la gepatroj, en la apudan ĉambron, sonorigas la telefonon — kaj revenas al Burger kaj lasas rakonti al si la murdhistorion ankoraŭ unufoje — pli vaste, pli detale. Burger priskribas al li ĉion.

Dudek minutoj pasas. Jen haltas post fulmrapida veturo aŭtomobilo antaŭ la domo. Wendel ekspiras. La savularo. La kuracisto kaj kvar fortegaj flegistoj.

Burger furiozas kaj preskaŭ sufokas la doktoron, la perfidulon, kiu vokis la policon.

La kompatemaj manoj de Wendel kuntiras la pordkurtenojn, por ŝpari al Olga la vidon, kiel oni kondukas ŝian fianĉon al la frenezuleja aŭtomobilo.

El la germana: *J. Weleminsky*.

de ŝiaj gepatroj; kaj Nigma bezonis la leteron por montri al ili kaj por havi la permeson.

Nu, ni sendis la leteron, kaj ŝi respondis, ke ŝi volonte venos, se ŝi povos kunvenigi sian fraton, »ĉar ŝi timas trairi la urbon sola.« Kio signifas, ke ŝi ne estas permesata viziti amikojn sen dueno, ĉu patro, patrino aŭ frato.

Ili alvenis; Nigma estis sin vestinta honore al la okazo. Ŝi portis helan robon, tre modan laŭ la gusto de Egiptujo, kiu estas sufiĉe simila al la gusto de Parizo: altajn kalkanumojn, kiuj iom malbonigis ŝian belan marŝon, ĉar ŝi ne tute kutimiĝis al ili; kaj en tiu varmega klimato, ŝi portis longajn ĝiskubutajn gantojn. Kaj — kompatindulino! — por impresi mian edzinon, ŝi estis teginta sian vizaĝon per blanka pudro? Tion ŝi faris por kaŝi sian brunecon, sed ĝi nur donis malsanecan aspekton al ŝi velura haŭto. Mi suspektas, ke ŝi portis la gantojn samkiale.

Post la salutoj, ŝi sidis silente, singardeme mian edzinon por vidi, ĉu necesas sin prepari kontraŭ rikanoj. Iom post iom ŝi trankviliĝis, kaj komencis babili, laŭ la kutimo de virinoj en ĉiu lando, pri roboj kaj modoj kaj similaj virinaj aferoj. Dume, mi konversis kun la frato, junulo dudekjara, kiu estis provonta la *Bachot*, kaj estis edukata en franca religia kolegio. Mi miris, kiom la francoj sukcesas stampi la egiptojn per franca aspekto; li parolis kaj gestis kiel franca junulo, kiu kombinas necertecon pri sia valoro kaj pri sia impreso ĉe aliaj, kun la opinio, ke li ĉion scias pri la mondo. Ni parolis pri la literaturo. »Jes«, li informis min, »en la angla literaturo estas bonaĵoj, sed entute ĝi ne multe valoras kompare kun la franca. Mankas al la angloj formo, stilo; ili havas geniulojn, sed barbarajn geniulojn.« Li rigardis min por vidi, kian impreson li faras; mi faris la taŭgan respondon.

»Sed Shakespeare, Milton? Ĉu estas poezio pli bela, ol ilia?«

Kaj tiel plu: la kutima konkurado kiam franco renkontas anglon.

Nin ne aŭskultis Nigma; ŝi havis praktikan menson, kiu ne malŝparas tempon pri la literaturo. Ŝi estis tiam parolanta pri filmoj kaj la beleco de la aktorinoj.

»Ĉu vi iam vidis Greta Garbo? Mi pensas, ke ŝi estas bela. Kia blanka haŭto! Ne kia mi, brunulino! Kion mi farus, se nur mi povus esti blonda, kiel ŝi!«

»Sed kial, fraŭlino? Vi sinjorinoj ja estas amuzaj: jen en Eŭropo preskaŭ ĉiuj virinoj volas esti brunaj, kaj sidadas multajn horojn sub la suno por bakiĝi. Ili eĉ pagas grandajn sumojn por kosmetikoj brunigaj. Kaj jen vi kaj aliaj egiptinoj, kiuj volas la kontraŭon! Laŭ mia opinio, la bruna haŭto estas pli bela, ofte, ol la blanka.«

»Ah, sed ne estas la sama afero«, ŝi diris. »Ili estas eŭropaninoj, do ili bone povas brunigi sin, sed mi estas egiptino.«

Frazo certe neklara, tamen mi ĝin komprenis, ĉar mi estis jam renkontinta la egiptan snobismon pri haŭtkoloro. Ekzistas multaj egiptoj blankaj aŭ preskaŭ blankaj; ili estas la plej feliĉaj kaj malestimas ĉiujn aliajn. Poste, estas tiuj, kies haŭto havas la koloron de kafolakto; ilin ridigas la brunulojn de meza kaj suda Egiptujo. Ĉi tiuj siavice povas moki nur la nubianojn kaj sudananojn nigrajn. Kiujn la sudananoj malestimas, tion mi ankoraŭ ne eltrovis, sed certe iujn. Mi ne surpriziĝus, konstatante, ke tiu ĉena malestimo trairas tutan Afrikon ĝis Cape Town.

Mi ankaŭ sciis, ke tiu snobismo estas pli forta ĉe la virinoj, ol ĉe la viroj: egipto konsentus edzinigi virinon pli brunan, ol li, sed egiptino ne volas edziniĝi al viro pli bruna, ol ŝi; ŝi tro sentas sian superecon.

»Nu,« ni diris al Nigma, »aranĝu kun kuracisto, ke li donu al ni vian haŭton, kaj al vi nian, kaj ĉiu estos kontenta!«

Tiu ideo amuzis ŝin, kaj ŝi komencis paroli ankoraŭ pli hejmece. Ŝi naive interesiĝis pri la mebloj, bildoj kaj drapoj de angla hejmo, kaj volis rigardi ankaŭ la subvestojn de mia edzino. La du virinoj foriris en la litĉambron, kaj mi aŭdis viglan konversadon kaj ridojn. La

Kolig: 
*La familio de la pentristo*

plimulton ŝi admiris, sed ne povis kompreni la simplecon, senornamecon de kovriloj, vestoj kaj similaj aferoj. Ŝi ĉion rigardis, admiris, sed ŝi ne notis por poste imiti; spite ŝian ŝaton pri ĉio eŭropa, mankis al ŝi la risorto, kiu instigus al ŝi eŭropanigi sin.

Entute, la vizito estis sukcesa; Nigma tiom sentis sin senembarasa, ke ni eĉ persvadis al ŝi instrui al ni araban kanton de la felahoj. La penso, ke ni volas lerni kamparanan kanton, longe ridigis ŝin: vere komika ideo; sed fine ŝi ekkantis, iom ruĝiĝante, ĉar ŝi kantas laŭ la maniero de la neinstruitaj kamparanoj, anstataŭ laŭ la maniero de Badia' Mesabni, la plej moda kantistino en Egiptujo.

Post tio, ŝi pli ofte parolis al mi en la lernejo, sed zorgis ne paroli pri la vizito, se alia instruisto troviĝis en aŭdodistanco. Baldaŭ temis pri revizito, ĉar necesis prezenti siajn eŭropajn amikojn al la familio. Estis aranĝite, ke je unu el la festotagoj ni iru al la domo de ŝia patro.

La egiptoj estas gregemaj homoj, kaj plej feliĉe laboras multope, kune babilante kaj ridante. Ili ŝatas la kunpremon de iliaj kunuloj; ekzemple, unu taksio aŭ fiakro ofte devas enteni dek aŭ dek-du homojn samtempe. Same pri la hejmo; la familianoj ŝatas kune vivi, kaj ĉar la egiptaj familioj estas grandaj, ili kunloĝigas nekredeblan nombron da homoj en unu malgranda apartamento.

Tial, kiam oni eniras egiptan hejmon, oni estas prezentata al tiom da familianoj, ke estas neeble memori ĉiujn. Mi do havas nur malklaran memoron pri la personoj, kiujn ni renkontis dum nia unua vizito en la familio de Nigma Jusef, krom pri Nigma mem, ŝia frato, kiun ni jam konis, kaj — plej granda surprizo — angla soldato, serĝento en la regimento tiam dejoranta en la urbo. La anglaj soldatoj en Egiptujo estas la plej solecaj homoj en la mondo, kaj mi tre miris pri la ĉeesto de ĉi tiu.

Komence la konversado estis malfacila, kiel ĉiam ĉe tiaj internaciaj kunsidoj. La soldato parolis la francan lingvon kun aĉa akcento, sed sufiĉe flue; tamen, ni devis atenti, ke li, mia edzino kaj mi ne komencu privatan konversadon en la angla lingvo pro facileco. La virinoj baldaŭ trovis temon por si: fanfaronado kaŝita pri siaj kudraĵoj, brodaĵoj, trikaĵoj. Mi rigardis longan serion da vestoj, kovriloj, tablotukoj kaj similaĵoj, paciencege broditaj kaj ornamitaj en Nigma kaj ŝia fratino, kaj zorge konservataj en ŝranko, por ke ili ne difektiĝu per la uzado. Mi rimarkis, ke la prudeco de la egiptinoj tamen permesas, ke ili montru tiel siajn kalsonojn kaj similajn intimaĵojn.

Poste, mi sukcesis ne malĝentile paroli kun la soldato. Li estis juna kaj tre blonda, proksimume dudekokjara, kun brosaj lipharoj; unu el tiuj angloj, kiuj aspektas ĉiam, kvazaŭ ili ĵus sin banis. Liaj grizaj okuloj estis seriozaj kaj malkaŝaj, kaj mi baldaŭ rimarkis, ke ili sekvas la formon de Nigma pli ofte, ol la aliajn.

»Jes,« li diris, responda al demando mia, »mi konas la familion jam dek sep-ok monatoj. La plej aĝa frato frato estas kontlibristo en la kantino, kiun mi estras, kaj iam li invitis min. Mi estis sufiĉe kontenta akcepti, ĉar ni ne konatiĝas kun multaj homoj en tiu ĉi lando... La franca lingvo? Nu, mi iomete lernis en la duagrada lernejo en Anglujo; kaj mi studis el libro tie ĉi; mi pensis, ke se mi vizitas la familion, mi devus almenaŭ iom paroli kun ili, kaj nur la plej aĝa parolas la anglan lingvon.« Mi suspektis, ke precipe kun Nigma li volis paroli; li estis tiom fremda en tiu medio, ke nur tia

## Pagate estas . . .

— J. P. Jacobsen —

Pagate estas dum jaroj de pun'
por kura, plezura momento.
Kion ride ni faras en fluga hor',
ne lavas jarlonga plorpento.
Elfluas malĝojo, elfluas amaro el rozoj ruĝaj.

Triumfe, orrade nin portas Fortun' —
kapturnon dumfluge ni sentas,
sed nigra, trenpeza, la ŝarĝo Malĝoj'
ĉe l' halto nin tamen atendas.
Elfluas malĝojo, elfluas amaro el rozoj ruĝaj.

En dormon duone vin lulas plezur' —
neniam ekdormas malĝojo...
Ĝi firmarigarde logsuĉas vin,
turnakvon simile, ĉe vojo.
Elfluas malĝojo, elfluas amaro el rozoj ruĝaj.

Vin rido ne volas prilumi ĉe l' lit',
sed larm' havas horojn sen nombro;
ĉar rid' estas nur de la nuno ekbril',
sed plor' — de l' pasint' estas ombro.
Elfluas malĝojo, elfluas amaro el rozoj ruĝaj.

El la dana: *Magda Carlsson.*

kialo igus lin lerni la francan lingvon kaj vizitadi la familion.

Tiam Nigma interrompis nian interparoladon, proponante, ke ni rigardu la familian foto-albumon. Tiu rito estas plenumata de ĉiu gasto ankaŭ en Egiptujo; kaj same kiel en Eŭropo, ĝi tre utilas por ŝtopi truon en la konversado. Tiun celon ĝi trafis, kvankam estis unu momenta embaraso. En la albumo staris foto de egipta oficiro, kun agla vizaĝo preskaŭ nigra; li aspektis tre vireca, efektive bela tipo. Ni tion diris: »Kia bela viro!«

Nigma rigardis nin momente, tute senkomprene. Ni rimarkis, ke ni faris eraron. Sed feliĉe nia eraro amuzis ŝin, kaj ŝi ridegis. »Sed... sed,« ŝi balbutis, »li estas *nigra!* Aŭskultu, patro, ili opinias la nigrulon bela!« Kaj sub la ŝirmo de ŝia ridado, ni ekparolis pri io alia. Ni petis, ke ŝi ludu iun muzikaĵon per la piano, kiu staris en la sidĉambro.

»Ne, vi ne deziras aŭdi min ludi, ĉu? Kiel egipta muziko povus interesi vin?«

Ni sciis la respondon al tia demando, kaj baldaŭ ŝi ekludis. Ŝi prezentis al ni la plej lastan ĵazaĵon, por montri, ke ŝi scias ion alian, ol la mizera popolkanto, pri kiu ni estis petintaj dum ŝia vizito al ni. Ni aplaŭdis, kaj ne kuraĝis peti, laŭ nia prefero, pluajn felahajn kantojn.

Post longa vespermanĝo, kaj babilado pri la klimato, pri la lernejaj ferioj, pri la karaktero de ŝiaj kaj miaj instruatinoj, ni foriris samtempe kun la soldato, kiu nomiĝis Felton. Kun li mia edzino kaj mi marŝis al la centro de la urbo, por trafi aŭtobusojn. Kaj dum ni zigzagis tra la mallumaj stratoj, evitante koton kaj azenrajdantojn, ni ĉiuj havis tiun ĵukon en la animo, kiun oni havas, kiam kunveno ne marŝis bone, kiam la intima fluo de la parolado mankis, kiam oni montris sin malsprita.

Mi singardeme parolis al Felton pri Nigma. »Eksterordinare agrabla junulino, tiu Nigma. Ŝi havas grandan kuraĝon, ĉar ŝi sukcesis venki la antaŭjuĝojn de la familio, kaj labori ekstere. Maloftajo, tio.«

»Je-es,« li parolis malrapide, »ŝi estas alloga knabino. Jes, ni tre ŝatas ŝin. Efektive, —« li haltis, kaj rigardis min serĉe por recertiĝi, ke mi estas tia homo, al kia oni povas paroli sen timi mokon. La anglo ĉiam timas mokon pri siaj amaferoj.

»Efektive,« li daŭrigis, post momento, »mi kelkfoje pensis, ke mi ŝatus promeni kun ŝi.« Li uzis la anglan popolan esprimon por la antaŭfianĉeca interkoniĝo, kunpromenado, reciproka provado. Ŝi estas honesta knabino, kaj serioza.« Subite li konsciis, pri kia temo li parolas, kaj ruĝiĝis; kaj marŝis kelkajn minutojn senparole.

»Nu«, li daŭrigis, kun tiu bezono pri malkaŝa parolado, kiun ĉiu el ni kelkfoje sentas ĉe nekonatoj, »mi ne scias, kion pensus mia familio. Ŝi ja ne estas blonda, tion vi vidis. Tamen, kiel gravas la koloro? Se ŝi estus bona edzino?«

Mi kapklinis konsente; efektive, mi pensis, ke spite la diferencojn pri raso, vivspertoj, medioj, tia edziĝo povus ruliĝadi trankvile. La afero tre interesis min, ĉar edziĝo inter anglo kaj egiptino estas tre malofta; precipe tial, ke ili neniam havas okazon renkontiĝi. Felton kaj Nigma ŝajnis reciproke taŭgaj, ĉar ŝi estis inteligenta kaj pli bone edukita, ol la plimulto el la egiptinoj; kaj li evidente ne havis antaŭjuĝojn pri raso, koloro aŭ lingvo; ili faris, efektive, tre interesan kompromison inter la ideoj, pensmanieroj kaj kutimoj de la du rasoj. Estis videble, ke li ŝatas, preskaŭ amas ŝin, pli ol li vorte konfesis. Mi ne sciis, ĉu ŝi amas lin, sed ŝi tiom admiris ĉion eŭropan, kaj tiom deziris eskapi el ĉio egipta, ke ŝi nepre farus sian eblon por feliĉigi lin.

»Tamen, mi ne deziras nun paroli al ŝi pri la ideo,« Felton daŭrigis; »mi ankoraŭ ne sufiĉe konas ŝin. Mi neniam havas okazon paroli al ŝi sola. Ĉiam estas kun ni aŭ fratino aŭ frato, aŭ alia familiano. Ŝi ŝajne ne komprenas, ke mi deziras paroli al ŝi sola kelkfoje. Mi plurfoje invitis ŝin iri kun mi al kino; ŝi akceptis nur unufoje, kaj tiam venis ankaŭ la patro kaj patrino.«

Nun mi komprenis la malfacilaĵon: spite sian restadon en Egiptujo, Felton ankoraŭ sciis tre malmulte pri la moroj de la egiptoj. Fraŭlino neniam povas esti sola kun viro, eĉ en sia hejmo, ĝis kiam li estas jam petinta pri ŝia mano al ŝia patro, kaj paginta al ĉi tiu la doton. Tiam, kelkfoje, li estas permesata pasigi duonhoron sola kun sia fianĉino en la sidĉambro, sed eĉ tiam li ne povas promeni kun ŝi sola, aŭ iri al kino. Mi demandis al mi, ĉu tion mi devus klarigi al Felton; farante tion, mi riskus tute senkuraĝigi lin; ne farante tion, mi lasus lin en senbaza espero, kaj kaŭzus al li eventuale pli grandan elreviĝon. Nu, mi nenion diris; dum mi estis ankoraŭ pesanta la aferon, ni atingis la haltejon de la aŭtobusoj, kaj disiĝis.

Nu, post tiu tago, Nigma kaj mi havis tute novan temon por konversado, kiam ni renkontiĝis en la lernejo. Pli ĝuste, ni havis nur unu. Ŝi konstante parolis pri Felton, pri lia honesta karaktero, lia blondeco, lia vasta scio kaj kompreno pri la mondo, liaj grandaj kapablaj manoj, lia fortikeco. Mi rimarkis, ke interesas ŝin ne nur la anglo, sed ankaŭ la viro; mi kredas, ke ŝi estis enamiĝinta al li. Ankaŭ ŝia karaktero ŝajnis ŝanĝiĝi; ŝi ne perdis la iom mallarĝan elrigardon de la egiptino, sed tamen ŝi estis pli komprenema, pli virineca, malpli knabineca; kaj super ĉio, ŝia memfido multe kreskis; ŝi ne plu antaŭvidis rikanojn.

Tiel daŭris du monatojn; tiam finiĝis la lerneja jaro; mi foriris kun la edzino al Aleksandrio por unumonata libertempo, kaj ne renkontis Nigma dum tri monatoj. Kaj kiam mi vidis ŝin en la lernejo, ŝi estis tiom okupita pri la reorganizo de la klasoj, ke tute ne estis tempo por konversado.

Baldaŭ ni invitis, ke ŝi temanĝu kun ni, kaj sendis la kutiman invitleteron. Ĉi tiun fojon venis kun ŝi ŝia edziniĝinta onklino, bela virino, pli juna ol Nigma.

Post la salutoj kaj demandoj pri libertempo, ni komencis paroli pri pasintaj aventuroj, ridi pri komunaj memoroj. Nigma parolis al ni sufiĉe facile, senembarase, sed ŝi ridis malpli ofte, ol antaŭe. Ŝi diris sarkasmajn frazojn de tempo al tempo; tion mi neniam aŭdis ĉe ŝi antaŭe. Mi rimarkis en ŝia voĉo amaran tonon. Kaj al frazoj pri la varmeco, la belaj ĝardenoj kaj promenejoj de Aleksandrio, la novaj lernantinoj en la lernejo, kaj tiel plu, ŝi respondis sen sia kutima entuziasmo.

Fine, mia edzino turnis la konversadon al temoj pli intimaj. »Kiel do,« ŝi diris al Nigma, »ĉu vi ankoraŭ ne estas edziniĝinta?«

»Kiu volus edzinigi min?« ŝi respondis, kun stranga rideto, kiu ŝajnis al mi kolereta. »La viroj preferas la blankajn virinojn; oni ne deziras negrinon, kia mi.«

Denove tiu obsedo pri la koloro; ĝi estus jam tedinta min, se mi ne estus diveninta suban tragedion. Evidente la aferoj iris malbone.

En Egiptujo ne estas maldelikate demandi pri la aferoj, eĉ la amaferoj, de aliaj; ni do kuraĝigis ŝin, ke ŝi rakontu al ni, kio okazis.

»Sed tiu anglo — ni ja vidis, ke li interesiĝas pri vi?«

»Ĉu mi scias? Li sendube edziĝis al iu angla fraŭlino, kiu estas pli bela, ol mi. Sed kiel tio gravas al mi?« Ŝi povis rideti, kaj altigis sian belforman nazon kvazaŭ malestime. »Mi estas instruistino, dank' al Dio, kaj tiel



**Degas:** *Dancistino*

# Senrjuoj

— El la japana: T. Nakamura

Filoj inklinas
Obei — la gepatroj
Jam vivon finas.

*

Ne incidento
Ridinda por *solul'* la
Komika vento.

*

Nun ŝi mamnutras...
Baj, baj, — jam lavendaĵo
En sonĝo putras.

*

Infano bone
Dormas, — ja zorgas panjo
Spiron ŝpione.

Herbriĉa domo.
Per mut' insektoj signas
Venon de homo.

*

Neĝas en abund'.
Sur nokta voj' lanterne
Gvidas nigra hund'.

*

Patrin' fervora
Rizplantadante iras
Al filo plora.

*

Lin ne amuzas
Tiom la inoj, kiom
L' edzin' ĵaluzas.

Kiu ne scias
Sola en la kvartalo:
Jen edzo *ŝia*.

*

Por dormetanto
La libron foliumas
Senĉese l' vento.

*

Ve, vidu vanon
Fantomu do, edzin', por
Nutri l' infanon.

*

Tir' de kurteno.
Ho, ho, ho, — oni krias:
Neĝa mateno!

*Senrjuo* estas 31-silaba epigramo ŝerca, humora, aŭ proverba, aŭ belene estas konataj. — *Trad.* tristika simile al *haikuo*. La aŭtoroj de l' famaj senrjuoj, tie ĉi tradukitaj

---

mi restos libera ĝis la morto. Mi ne estos la sklavino de iu ajn viro.«

»Sed ĉu vi ne renkontadas lin — ĉu li ne plu venas al via domo?«

Ne, li ne plu venas; li ĉesigis siajn vizitojn jam antaŭ tri monatoj. Pro sia manko de memfido, Nigma vidis en tio tediĝon pri ŝi; la anglo trovis ŝin neinteresa, »tro indiĝena«, tro nigra. En la tonoj de ŝia voĉo mi aŭdis doloron kaŝitan, la doloron de virino, kiu senespere deziras viron, kaj maltrafis sian okazon. Kompatinda Nigma; ŝi volis, pli ol iam antaŭe, esti eŭropana, esti edzino, kaj pli ol iam antaŭe, ŝi malesperis pri eskapo el sia teda familia vivo.

Ni provis klarigi al ŝi, ke ne pro malestimo Felton ĉesigis siajn vizitojn, sed pro tute aliaj kaŭzoj.

»Li ja ŝatis vin, Nigma. Sed li deziris koni vin pli bone, lasi, ke vi konu lin pli bone, antaŭ ol proponi la edziĝon. Kaj malfeliĉe tio estis neebla.«

»Sed kiel neebla? Li ja venis al ni ĉiusemajne, ni ofte vidis unu la alian, ni ofte babilis kune? Li estus povinta paroli pri la afero al mia patro — li ne estus postulinta tre altan doton.«

Certe Nigma estis leginta francajn romanojn; certe ŝi sciis, ke eŭropanoj admiras la romantikan amon, volas edziĝon de animoj — kio postulas longan konadon sen la ĉeesto de aliaj. Eble ŝi pensis, ke tio estas nur en romanoj.

»Ne estas eble koni unu la alian profunde, se ĉiam ĉeestas la gepatroj,« mi diris. »Li volis promeni kun vi sola, iri kun vi al kino, paroli libere sen la embaraso de la ĉeesto de aliaj. Kaj supozeble, kiam li trovis tion neebla, li opiniis, ke estas nur unu afero farebla: ne plu vidi vin.«

Surprizis min, ke Nigma ne divenis tion antaŭe, ĉar estas ankaŭ egiptaj junuloj, kiuj rifuzas edziĝi samkiale; sed ŝia menso estis irinta en alian direkton. Kiam ŝi aŭdis nian opinion, ŝia vizaĝo esprimis unue nekredemon; poste ĝi aspektis kolera, kaj ŝi ruĝiĝis. Mi supozis, ke ŝi riproĉos al Felton, ke li tion ne diris malkaŝe; sed ne.

»Ĉu tiel? Ĉu tiel?« ŝi fine diris. Miksita kun ŝia kolero estis ankaŭ ia sento pri malŝarĝo; rekuraĝiĝis ŝia memestimo. »Estas ĉiam same ĉe ni. Ni egiptinoj aŭ devas edziniĝi al viroj, kiujn ni apenaŭ konas, aŭ ni tute ne edziniĝas, ĉar la viroj ne volas edzinigi virinon kiun *ili* ne konas. Tiuj malmodernaj egiptoj! Kial ni ne povas esti liberaj, kiel la eŭropaninoj?«

»Sed, Nigma, kial vi ne insistis iom liberiĝi? Kial vi ne reinvitas lin nun? Vi povus poste fari tion, kion li petus. Vi ja laboras, vi subtenas vin mem, vi rajtas fari tion, kio plaĉas al vi. Diru al la frato, ke li reinvitu Felton, kaj tiam promenu kaj vin amuzu sola kun li, spite la gepatrojn.«

»Tio estas neebla.«

»Sed kial neebla?«

»Ĉar — ĉar ĝi estas neebla. Ili ne permesus. Kaj kion dirus la najbaroj? Oni dirus terurajn aferojn pri mi, kaj en la tuta vivo neniu viro volus edzinigi min.«

Mi komprenis, ke la ribelemo de Nigma eluziĝis; ŝi estis tiom luktinta por labori ekster la hejmo, ke ne plu restis morala forto por la nun necesa batalo. Cetere, se ŝi ja ribelus, kaj spitus la opinion de la familianoj kaj najbaroj, ŝi eĉ ne povus plu okupi sian postenon: en knabina lernejo oni ne volas fraŭlinojn kun malbona reputacio.

»Kion mi povus fari?« ŝi diris malespere. »Mi ne povas akcepti egipton, kiun mi vidis nur dum interparoloj kun la gepatroj, kaj anglo same ne volos akcepti min.«

Ni provis ŝin gajigi, dirante, ke eble Felton revenos, ke estas tre multaj viroj, kiuj volonte edziĝus al ŝi: ni parolis laŭ la hipokrita maniero de la homoj en tiaj okazoj — ni ja sciis, ke apenaŭ estas espero por kompatinda Nigma...

Ŝi ankoraŭ estas en mia lernejo. Preskaŭ ĉiutage ni konversas kaj ŝercas pri la lernejaninoj, la ferioj, kaj similaj temoj. De tempo al tempo ŝi vizitas nin, aŭ ni ŝin; kaj ni tiom intimiĝis, ke ni povas ŝerce nomi ŝin la nigrulino, sudanino, kaj tiel plu. Sed ni ne plu aŭdas pri svatantoj; viroj ne venas serĉi ŝin. Nigma antaŭvidas plurajn jarojn da laboro en la lernejo, ĝis kiam ŝi tediĝos pri tia sencela laboro; kaj tiam ŝi reiros al la stato el kiu ŝi luktis: ŝi estos denove perfekte honesta kaj respektinda fraŭlino, kiu tute dependas de sia familio kaj ne havas fantaziajn ideojn pri la moderna virino, amo kaj edziĝo, kaj promenoj sola kun viro.

# Sortoturno

— *Henri Duvernois* —

Kiam Fernand Moitrinel proksimume antaŭ tridek jaroj revenis en Parizon de sia nuptovojaĝo, li precize fiksis la tagordon de sia edzeca vivo, t. e. la akceptotagojn, la grandajn kaj malgrandajn vesperfestojn, la intimajn kaj solenajn vespermanĝojn kaj similajojn...

— Bonvolu, — li diris al la edzino, — sciigu ankaŭ Grégoire Flé, ke ĉiam li estos bonvena gasto ĉe ni. Tio kompreneble devigas je nenio. Grégoire estis bona kamarado al mi en la lernejo kaj en la kaserno. De tiam li iĝis verkisto kaj laŭdire eĉ ne sentalenta; sed li ja estas neplibonigebla bohemo, kiu kredas sia devo, ke li vivu artistan vivon: lia pipo bezonas konstantan lokon en iu literatura kafejo, krome li vestas sin malzorge, do sufiĉe mismaniera, kaj se iu ne havas saman opinion kun li pri io aŭ tio, li same pugnofrapas sur marmortablo el la epoko de Ludoviko la dekkvina, kiel sur tute ordinara kafeja marmortablo, sur kiu oni kutimas rompi maksimume nur bierbotelojn, aŭ kafotasojn. Mi kredas, ankaŭ por li estos pli bone, se ni invitos lin tiam, kiam ni estos solaj. Sed eĉ tiel mi konsilas, evitu ĉian disputon kun li... Anstataŭ politiko aŭ literaturo parolu al li pri la kuirarto: pri tio, se vi aŭskultos lin, li scias rakonti dum horoj, kompreneble kun la supereca fakscio de iu, kiu dum tuta vivo devis kontentiĝi pri vinaĉo kaj manĝajrestajoj...

Sed Grégoire Flé, bedaŭrinde, laŭvorte komprenis la frazon, ke li estos »gasto ĉiam bonvena«. Li aperis en la domo ofte, grase, gaje, kun longa hararo kaj tre kurta pantalono, odorante de brando, tabako, jen entuziasme, jen ŝanceliĝante kaj kun la rubando de ia stranga ordeno en la butontruo, kiu simile herbosupon, brilis en diversaj vivaj koloroj. Liaj vortoludoj, kriegoj, nebutonumitaj manumoj, lia malkaŝemo kaj senpacienco faris mizeran efekton, precipe, se li venis tiam, kiam gastoj estis ĉe gesinjoroj Moitrinel.

— Vidu, maljuna knabo, tion ni devus ordigi, — proponis al li Fernand. — Venu al ni vespermanĝi, ni diru, la unuan mardon de ĉiu monato. Tiel ne povas okazi al vi, ke eble vi renkontos nur miajn kolegojn, tiujn enuigajn grandindustriulojn, kiuj, mi scias, tute ne interesas vin...

— Pardonu, — korektis lin Grégoire, — min interesas ĉio. Viajn amikojn mi trovas simple ravantaj; mi esperas, ke ankaŭ mi plaĉas al ili.

— Kompreneble, kompreneble, ĉiuj adoras vin. Sed vidu do, ni estas egoistoj: ni volas vin gardi por ni mem...

Grégoire trankviliĝis ankaŭ pri tio. Estas vere, ke, certe senrajte, li iom suspektis la mildan sinjorinon Moitrinel, kvankam tiu malamis nenfun kaj obeis al ĉiu, unue al siaj gepatroj, poste al sia edzo, pli poste al sia sola filino Claire. La unuan mardon de ĉiu monato, kvankam la vespermanĝon oni pormetis nur je la duono post la oka, Grégoire jam je la sepa sonorigis ĉe sia amiko, ĉe sia sola amiko, ĉar cetere li havis nur provizorajn kamaradojn en la malriĉo: aŭ tiajn, kiuj atingis la suprojn de la verkista kariero, aŭ tiajn, kiuj dronis en tiu senfunda abismo, kie la iamaj poetoj iĝas komercistoj, oficistoj aŭ piaj rentuloj. Tiu monata okazo estis por li la sola, kiam li povis gustumi la lukson. La observojn, kiujn li povis fari ĉe gesinjoroj Moitrinel, li abunde utiligis en siaj fekunde naskiĝantaj romanoj, ĉar tiu ĉi ŝajne kaprica bohemo estis kvazaŭ bona librotenisto. Li notis ĉion, la uniformon de l' servisto, la manĝokarton, la arĝentan servicon, la ŝtofon, koloron, fasonon de la robo de l'dommastrino...

Ĉe tiaj okazoj li mem aperis en nigra vestaĵo, kiu parte estis simpla kiel strata jako, parte solena, kvazaŭ fumjako, kaj kiu, kun malgranda blanka kravato, estis tute tolerebla dum festvespero. Nur ĉiam, aŭ preskaŭ ĉiam li estis la sola gasto. La grandaj monataj vespermanĝoj estis ĉiam la antaŭan tagon, la unuan lundon de ĉiu monato. Grégoire nur en la ĵurnalraportoj povis legi pri ili. Inter la gastoj troviĝis ne nur grandindustriuloj, sed ankaŭ ministroj, eĉ ankoraŭ romanverkistoj, kiujn ilia originaleco aŭ la eldonnombro de iliaj verkoj faris interesaj. Sed li eĉ tiam ne plendis: marde vespere li povis manĝi el ĉiu bakitaĵo, el la rarspecaj fruktoj, kiuj restis de lundo. Kaj ankaŭ li povis sidiĝi en komfortan brakseĝon, apud la kameno, sur la saman lokon, kie la antaŭan vesperon iu pli fama kolego prenis lokon. Per unu vorto, ankaŭ lin oni aŭskultis.

Kaj estis tie Claire.

Gesinjoroj Moitrinel havis palacon en Parizo, kastelon en Normandio, villon sur la Riviera, ne unu, sed plurajn aŭtojn, kaj unu filinon. La romanoj de Grégoire Flé desegnis la granddotajn knabinojn ĉiam malbelaj. Sed Claire refutis la verkiston: simple ŝi estis belega. Ia sekreta romantiko tiris ŝin al tiu ĉi bohemo, kiu estis mallerta sed animplena, senkultura sed sincera, kaj kiu vere sciis entuziasmi. Kiam ŝi estis ankoraŭ knabineto, ŝi kune kun la gepatroj multe priridis lin, sed nun ŝi defendis lin kontraŭ ili. Komence de la sepa horo vespere, kiam Grégoire sonorigis, tute ĝis la duono post la oka, kiam oni anoncis, ke la tablo estas servita, Grégoire kaj la domfraŭlino povis babili trankvile kaj konfide. La knabino eltrudis de li eĉ tion, ke ŝi povu nomi lin baptopatro; kiun siatempe oni elektis pro lia riĉo kaj socia rango tiu miksiĝis en fraŭdan bankroton, en kiu li perdis ĉiaspecan titolon kaj rangon, inter pluraj ankaŭ tiun de la baptopatro. Kiam Claire iĝis dudekjara, Grégoire definitive rezignis pri tio, ke dum tiuj ĉi monataj priparoloj senĉese kaj sole nur li parolu, li kontentiĝis je tio, ke li aŭskultu sian adoptitan baptofilinon, en kio lin gvidis nenia literatura flankpenso. Estus facile, tamen li ne faris, ke li knedu el tio mi-romanon, almenaŭ ducentokdek-

---

## Soneto

— Michelangelo —

Ne estas eĉ plej arta rev' el ŝtono,
kiun ne fermus marmorekzemplero
per sia troo; ĝin nur trovas fero
gvidata skulpte per inspir' kaj kono.

Malbon' timata, esperata bono
vin loĝas, dam' pompanta en fiero,
sed vane penas mi kun malespero,
ne donas l' art' efekton laŭ bezono.

Nek amo kulpas do, nek via belo,
nek duro, fat', malŝato malafabla
pri mia plago, nek destin' aŭ sorto;

samtempe ja indulg' kaj mortkruelo
nestas en vi, sed mi, kun nekapabla
ardanta cerbo trafas nur al morto.

El la itala: *Lali Blond.*

paĝan konfeson de filino de la nova jarcento. Maksimume foje-foje li alpinĉis ian valoran noton pri la modaj societaj ludoj, pri la favorataj dancoj, pri la populara muziko kaj plej nova pentroarto. En sia malgranda biblioteko Claire kolektis ĉiun libron de Grégoire, kiujn ŝi mem bindis: rozkolore, se ili estis mildaj; nigre, se ili estis malĝojaj; lazure, se ilia humoro estis printempa; kaj rustoruĝe, se ĝi estis aŭtuna. En ĉiu, sur la interna paĝo, gigantis versaj dediĉoj kun kleraj kaj individuaj arabeskoj destinataj por grafologoj. Eĉ, el la bonvolo de l' aŭtoro, ŝi havis ankaŭ du manuskriptojn de Grégoire: la unu estis tiu de la *Jurrompulo* (kvardekmilversa dramo), la alia tiu de la *Alkurinto* (ŝerca unaktajo).

Tia estis do la situacio inter niaj geherooj, kiam aperis la Amo en la figuro de Etienne Fournier, ĉarma, eleganta, bonmaniera kaj bonkombita junulo.

— Kiel li plaĉas al vi, baptopatro? — demandis Claire de Grégoire.

Kaj ne atendante la respondon: — Ĉu ne, ĉarma?

— Ĉarma! — jesis obee Grégoire.

Kaj vere plaĉis al li tiu ĉi simpatia junulo, kiu aŭskultadis la vortojn de l' verkisto, pli ĝustedire liajn oratoradojn, kun larĝe apertitaj okuloj, kun estimo, miro kaj kun ioma, bone kaŝita, dormemo. La honora baptopatro, same kiel la gepatroj de Claire, eĉ se el diversaj kaŭzoj, tamen per aprobaj okuloj rigardis tiun ĉi edziĝon. Etienne estis preta advokato kaj li malpacience atendis, ke li ricevu ian laboron, se li jam sukcese venkos sian lamigan timemon kaj se foje li povus kapti ian sensacian krimproceson. Krome li havis bonan nomon inter la rugby-ludistoj, kaj lia familio, kiel oni kutime diras, ĝuis publikan honoron. Grégoire kortuŝe rigardis tiun idilion en tiu tiel frosta salono kaj li trankviliĝis eĉ je tio, ke de tiam, de la sepa ĝis la duono post la oka, li rolu nur kiel muta kaj bonvola tria persono. Post vespermanĝo Étienne ĉiufoje diris al li: »Se plaĉas al vi, sinjoro Flé, mi povas transporti vin hejmen.« Grégoire kun ioma malfacilaĵo sidiĝis en la fermitan malgrandan aŭton de Étienne, kiun la junulo gvidis fulmorapido. La vojo estas sufiĉe longa de la strato Michel Ange al la bulvardo Batignolles. Grégoire tute ne avaris pri la konsiloj: »Kiu gvidas, ne parolu multon. Li pensu pri la ceteraj frenezuloj.«

Ĉirkaŭ kvarono post la dekunua, por fini la komencitan temon, ili ambaŭ iris al la literatura kafejo, kies konstantaj gastoj malamis la grandkapulojn kaj batalis kun nevideblaj pafiloj kontraŭ la oportunistoj.

Tie okazis, ke iun vesperon Étienne Fournier flatadis jene:

— Kara sinjoro Flé, mi volus peti de vi grandan komplezon, sed nur en la plej granda sekreto... Vi ja scias, ke Claire kaj mi estas jam preskaŭ gefianĉoj. Nu, la deziro de Claire estas, ke mi skribu al ŝi ĉiutage kaj unu el niaj amikinoj, kiuj estas juna kaj vidvino, volonte akceptas la peradon. Mi devus tion komenci morgaŭ, sed mi konfesas... mi faris almenaŭ dek mizerajn eksperimentojn... Mi scias, kion mi devus diri: sed neniam mi sukcesas... Kion mi ĝis nun skribis, estas resumebla en kelkaj vortoj: »Claire, mi amas vin.«

— Ne estas sufiĉe — opiniis Grégoire.

— Ankaŭ mi havas tiun ĉi opinion: ion alian ŝi devas trovi en tiuj ĉi leteroj, ne tion, kion ŝi ja krome aŭdas de mi. Se mi devus nur paroli, mi timus neniun. Sed se mi havas plumon en la mano, mi iĝas konciza preskaŭ ĝis la malĝentilo. Kara sinjoro Flé, helpu min! Por vi ja nenio estus pli facila! Kaj Claire neniam ekscios, ke la leteroj devenas de vi...

— Estas en ordo — respondis Grégoire.

Kaj tuj li vokis la kelneron:

— Léon, mi petas inkon kaj plumon! Kaj du abrikot-brandojn.

Kaj tiel parolinte, li komforte lokis sin sur la velurkanapo de la kafejo, kvazaŭ pianist-artisto, kiu sin preparas por muzika plezuro: la plumon li provis sur sia ungo, por momento li ekgapis, poste la plumon elprovitan li mergis en la inkon, kaj tiel li komencis la laboron, kun ia stranga delico, ĉar ja ĉi fojon temas pri tiel kara kaj altruista verko, kiu destiniĝas ne por la indiferenta publiko, sed por unu sentema koro.

— Sed, ĉu ne, ne estos tro bela? por la verŝajneblo! — petegis modeste Étienne.

— Be-le-ga ĝi estos! — silabadis Grégoire. — Nur fidu min kaj ne plendu, se — kiel oni diras kutime — la fianĉino estos tro bela!

Tiu ĉi unua amletero iĝis tricentkvindek-linia. Ĝia skribo daŭris de dudek minutoj post la dekunua ĝis la unua horo post noktomezo, kiam la kafejposedanto komencis estingigi la elektrajn lampojn.

— Poste, se vi kopios ĝin, ne forlasu multon — konsilis al li Grégoire. — Mia amiko, mi konas la virinojn; ĉu saĝaj, ĉu stultetaj, ĉiuj estas similaj en tio, ke la sinceron de la amo ili pesas per la pezo de la letero. Tie kaj tie vi povas streki kelkajn vortojn, ĉar tiel ne vidiĝos, ne tio, ke vi kopiis, — kio estus katastrofo — sed, ke vi kopiis vin mem...

Post kelkaj tagoj, kiam Grégoire aperis ĉe gesinjoroj Moitrinel, Claire tuj flankentiris lin:

— Baptopatro, — ŝi kriis —, mi ricevis leteron de Étienne: ĉef erko! Mi ricevis kapturnon... Ĉu vi scias, kio estas mia opinio? Mi kredas, ke Étienne naskiĝis ne advokato, kiu profesio ja eĉ estas plenplena, sed plie verkisto...

— Ĉu vi kredas, ke tie ne estas plenpleneco? Aŭskultu, mia knabino: multaj povas brili por momentoj, sed la forto de la verkisto estas lia persisto. Sub la efiko de forta sento ĉiu kulturita junulo skribas bele; alia afero estas la invento, la redakto, la verkista laboro!...

— Do bone, — flustris Claire. — Sed rigardu min: via baptofilino neniam estis en pli granda embaraso... Verdire, mia ideo estas ĉi tiu korespondado. Mi kredis, ke mi ricevos de li kelkajn karajn leterojn, kiujn respondi estos facile... Sed tiun ĉi ĉefverkon... Kaj mi? Mi anntaŭsentas, ke mi trovus nur simplajn, prozajn, perfortitajn dirajojn... Baptopatro, kompatu min... Helpu! Venu en mian studĉambron... Tie estas ĉio, delikata leterpapero, anserplumoj kaj porto-vino...

Do Grégoire Flé estis devigita respondi sian propran propran leteron. Cetere, tiu ĉi ludo lin tute ebriigis. Unue Claire laŭtlegis al li ĉiujn tricentkvindek liniojn, je la fino kompreneble kun la insolenta subskribo de Étienne.

— Nu, vidu, mi ja ne mensogis! — ŝi fieris antaŭ Grégoire. — Ĉu ne estas ĉefverko tiu ĉi letero? Ĉu ĝi ne meritus, ke ĝi ricevu lokon en ajna antologio de la koro?

— Vi pravas — rekonis sinjoro Flé —, vi ne troigis, estas vere ĉefverko! Nu, ni faru ion, ke vi ne troviĝu malinda. Ĝis vespermanĝo ni havas ankoraŭ kvindek minutojn; tio sufiĉos.

Ĉiu profunda sentemo, kiun la kompatinda verkisto konservis ĝis nun neuzita, venis en tiujn ĉi leterojn, en la leterojn de juna sportknabo kaj juna fianĉino. Kiam oni anoncis, ke estas servita la tablo, Grégoire jam eltrinkis plenan botelon da porto-vino, rompis tri plumojn kaj redaktis ducentlinian, pasie treman leteron.

— Kion vi pensas, ĉu li ne eksentos la trompon? —

zorgemis Claire, dum super la ŝultro de Grégoire ŝi legis la leteron.

— Ne timu, estas nenia danĝero: tie kaj tie mi faris du-tri ortografiajn erarojn, kompreneble ne iajn grandajn erarojn, kiuj etendiĝas kvazaŭ flakoj, sed nur etajn, karajn, malgrandajn erarojn, kiuj tiel emocias la virojn... Ne decas, ke vi eĉ por momento montriĝu pli valora ol Étienne, tio evitindas ja por la feliĉo kaj trankvilo de via estonta edziĝo.

— Ĉu mi ne skribu postskribaĵon?...

— Por nenia prezo! Mi ne volas vin ĉagreni, sed ja via prozo, knabineto, tro diferencus de la mia...

De tiam gesinjoroj Moitrinel konsternete rimarkis, ke la gefianĉoj kun ĉiam pli kaj pli granda estimo kaj amo ĉirkaŭas tiun, kiun, post lia dorso, Moitrinel nomis nur »triaranga mezverkisto«. Eĉ la gejunuloj tiom perfortadis, ke Grégoire estis invitita al la plej proksima solena vespermanĝo, inter tiom elektitaj gastoj. Cetere, la verkisto kondutis tre dece, escepte ke li iom incitiĝis dum iu politika disputo kaj ke de juna gastino li petis fortan nigran kafon »kun multa rumo«. Sed Claire kaj Étienne trovis ĉion ĉi sensignifaĵo.

De ĉio estis en ordo. La gefianĉoj kaj ilia korespondanto naĝis en la lazuro, sed en tiel brila lazuro, ke Grégoire baldaŭ estis tedata. Kvazaŭ nordano ekzilita en Afrikon, kiu sopire vokas kaj atendas la bonfarajn nubojn kaj iom da pluvo...

Nun ni venis al la plej delikata parto de la historio, al la laŭprofesia, unuflanka, eĉ deformanta konsiderado. Claire, la unumonata fianĉino, gardis jam tutan volumon, en malgranda santal-kesto, kun la subskribo de Étienne. Ankaŭ Étienne havis simil-enhavan, pli malgrandan, sed respektindan volumon, kiun Claire notis sola, kiel responda aŭtoro. Sed la du volumoj estis verko de Grégoire Flé. Trankvile oni povus diri pri ili, ke oni verkis ilin ĉirkaŭ 1830, en la epoko de la romantiko. Ĉiu paĝo fabelis pri odoro de multaj floroj kaj pri trilo de eĉ pli multaj birdoj. Sed ja viglaj cenzuristoj tiel triumfe batalis kontraŭ tiuj ĉi karaj, etaj poeziaj ornamaĵoj, kaj la nova literaturo tiel flankenpuŝis ilin, ke antaŭ niaj gefianĉoj ili ŝajnis tute novaj. La juna knabino estis emociita ĝis ploro, ke sportjunulo, nuntempe, skribas al ŝi longan leteron, kaj ne ian telegrafspecaĵon en tia stilo: »Darling, morgaŭ je la kvina, sur la golfgrundo, ĝis.« Siavice, se Étienne ricevis malgrandan pakaĵon, kiu ja estis nur letereto kun la subskribo de Claire, li estis plena de miro kaj rekono. Car li timis pro la estonto — la bona Grégoire Flé ja ne estos ĉiam apud li — li antaŭe atentigis sian fianĉinon:

— Vi scias, se ni estos jam geedzoj, ni neniam disiĝos unu de la alia kaj tiam mi ne havos okazon por skribo.

— Ankaŭ mi ne! — tuj aprobis Claire kun videbla malpeziĝo. — Ni legos, kion ni skribis unu al la alia...

La kalendaro tiun tagon montris la dekkvinan de septembro. La geedziĝo estis fiksita por la dudekkvina de oktobro. Tiam intervenis la supre menciita laŭprofesia deformado. Grégoire Flé havis tre decidajn ideojn pri la romanverkado, en kiuj, kiel en ĉiuj siaj ideoj, li ne konis ŝercon. Grégoire asertis, ke bona romano ne ekzistas sen katastrofo, kiun li, kiel optimisto, metis en la okazaĵoj, por ke poste la tuton li finu je ĝenerala kontentiĝo. Dum sia longa kariero li ofte atakis tiujn danĝerajn novigantojn, kiuj ne emis sekvi tiun lian leĝon kaj ne volis baki sian bakaĵon en la delonge elprovita bakujo. Per unu vorto, la bona Grégoire estis amiko de la Sortoturno. La romanon, en kiu mankis la sortoturno, eĉ turnoj, li juĝis enuaj kaj neeblaj. Ĉiu lia libro plenis de tiaj bele-belaj turnoj. Do tial li decidis, ke la utilan, la necesan la neforlaseblan sortoturnon li enkondukos ankaŭ en la ĝis nun banalan romanon de Claire kaj Étienne. La tempon li trovis konvena ankaŭ pro tio, ke jam nenia ĵuro, nenia nova tenereco, nenia poezio venis en lian kapon. Venis la tempo de la pluvonuboj. Do li diris al Étienne:

— Ĝis nun, kara amiko, vi sekvis min fidele, kaj vi nur gajnis per tio. Via fianĉino, kiel vi vidas, ne nur amas, sed eĉ adoras vin... Vi elŝiris...

— Pardonon, ne mi...

— Do: ni elŝiris ŝin el ŝia mezeca etoso. Kio ajn okazos, via fianĉeco tamen estas alia, tute alia, ol estis tiu de la gepatroj, de la Moitrinel-paro... Sed, mia amiko, tio ne estas ĉio! Ni ne ekdormu sur niaj laŭroj... Kiu multe luliĝis laŭ la ritmo de milda muziko, tiu certe ĝoje akceptos la sonoron de la kornoj kaj stan-teleroj. Ni, romanverkistoj scias tion bone. La rozodoro estas ĉiam agrabla, sed post la sufoka sulfurodoro ĝi estas rekte ĉiela. La beletaj frazoj, kiujn vi subskribis kaj kiujn vi ricevis, preskaŭ igis plena la sekurecon de vi ambaŭ... Sed, bedaŭrinde, la amo mortas pro tio! Ĉu ni volas, ĉu ne, ni devas intermeti la ĵaluzon. La sortoturnon donos ĝuste la ĵaluzo. Aŭskultu min atente: se mi amas iun, tion mi devas ankaŭ pruvi, eĉ per ĉiu argumento de la amo. Nu, kio do estas la ĵaluzo? — unu el la argumentoj de la amo! Tion, cetere, mi klarigas pli larĝe sur la dudektria paĝo de mia romano »Venĝo«. Tien ni alvenis ankaŭ ĉe vi. Atentu, junulo: via Claire luliĝas tiel bele, ke ŝi baldaŭ ekdormetos. Veku ŝin, dum ne estos malfrue! Kiel mi klarigas en mia komedio »Dividparto«: »la posedo de ies koro certas nur, se tiu koro nin jam vundis.

— Ĉu vi volas vundi Claire? — demandis premite Étienne.

— Por certa tempo, en la intereso de vi ankaŭ. Nia



Bacher: *Duobla portreto*

# Idilio

— Vilmar Adams —

Min printemp' inspiris,
Logis al pilgrim'.
Vojon jen transiris
Eta paŝtistin'.

Restu serioza!
— Ĝenus sin la dam'.
Kia kurioza
Ĉarma panoram'!

Vesto sur ŝi stranga,
Patra kamizol'.
Ŝi sep ŝafojn blankajn
Pelas kun fervor'.

Kure ŝi komandas,
Helas lan-ŝtrumpet'.
Pli bastono grandas
Ol la virinet'.

»Aŭdu do, ne kuru!«
Vigle batas man'.
Bluas la okulo,
Ho, sukerinfan'!

Jen okulojn kaŝas
Nun subite ŝi.
Ŝafoj plue paŝas
Sen paŝtista sci'.

Honti ŝin intigis
Jena fenomen':
Akvon ŝaf' eligis!
Kia hont' kaj ĝen'!

Fine sin eklevas
Punce ruĝa kap':
»Fi, vi honti devas,
Fi, malsaĝa ŝaf'!«

Herb' post bano freŝas.
Mire gapas mi.
Tule mond' malpezas —
Vera idili'!

Sciu do, urbano,
Pro printemp' ja nur
Bildo-libr' infana
Iĝis la natur'.

El la estona: *Hilda Dresen.*

---

romano, ĝis la nuna tago, havas nur du rolulojn. Rapide la trian! Foje, en albumon, en Biarritz, se min ne trompas la memoro, mi skribis proksimume jenon: »La amo en la franca estas jen vir-seksa, jen in-seksa, sed la enuo en ĉiu lingvo estas unuseksa.« Vi povas min fidi: mi estas fakulo...

— Sed do kion mi faru?

— La pasintan fojon, ĉe gesinjoroj Moitrinel, vi konatiĝis kun beleta bruna virino.

— Jes, kun sinjorino Zuyzertas.

— Pompa nomo, almenaŭ por la rolo destinita al ŝi! Balzac pravas: estas fatalaj nomoj... Sinjorino Zuyzertas... Do estu sinjorino Zuyzertas! Mi vidis, ke Claire jam senpaciencis, kiam tiu ĉi belulino ne volis vin delasi. Tial en via hodiaŭa letero ni dediĉas dek liniojn al la sinjorino... Ne timu. Mi trovos transiron. Efikos tute nature... Veku Claire, dum ne estos malfrue. Veku ŝian koleron. Ne malutilos, se vi malpaciĝos, poste vi ekkonos »la plortrempitan dolĉon de la repaciĝo«. (Vidu la lastan linion sur la lasta paĝo de mia plej nova romano *La Dancistino kaj la Akrigisto.*)

— Mi ne kontraŭdiras: mi fermas la okulojn kaj gvidu min, kien vi volas...

— Mi certigas vin, ke vi estos danka. Don Juan ne estas Don Juan, se li ne povas sentigi la malcertecon...

Do Grégoire sukcesis krei la sortoturnon. Cetere la sukceso estis plena. Claire, kiu lin urĝe vokis, jam preskaŭ furiozis.

— Tion mi bezonis! — ŝi diris al Grégoire. — Mi ne povis esti feliĉa longe. Se vi scius, kian aĉan leteron mi ricevis hodiaŭ matene: tiu ĉi sinjoro, imagu, ne hontas skribi al mi pri aventurulino, al kiu li amindumas sovaĝe, pri ia sinjorino Zuyzertas, pri tiu ĉi ina Chaplin, kun tiuj timigitaj okuloj, kun la du kurbaj piedoj kaj kun la lipharoj... jes, kun la lipharoj!... Ĉar mi juras, baptopatro, mi juras, ke ŝi havas ankaŭ lipharojn! Kaj li skribas pri tia virino kaj eĉ citas ŝiajn vortojn. Per unu vorto, li freneziĝis pri tiu monstro kaj dediĉas al ŝi dekkvar liniojn!

— Nu, kiom ĝi estas! — opiniis Grégoire. — Al vi li jam dediĉis miloble pli; estas egale, tamen estos bone ĝin registri. Ĉu vi ne scius en via proksimo iun junulon, per kiu vi provus inciteti vian fianĉon?

— Eĉ du je ĉiu mia fingro!

— Estas grandioze!

— Eble Robert Chancereuil.

— Ĉu bela knabo?

— Atendu nur... mi devas pensi... Jes, mi kredas, tre bela. Li petis pri mia mano, sed ĉar li ne havas eĉ groŝon kaj ĉiam nur kartludas, patro ridis inter liajn okulojn.

— Bonege, knabineto! Okulon por okulo!

— Dekkvar liniojn por sinjorino Zuyzertas? Do dudek por Robert Chancereuil. Kaj, kara baptopatro, vi bone furiozigos Étienne?

De tiam la romanverkisto facile kaj konstante uzis tion, kion la verkistoj inter si nomas turno aŭ varianto. Li ĝuis, kiel la kreanto, kiu faris sian verkon pli vivoplena per drama detalo. Por sia baptofilino li skribis pikan kaj spritan leteron, en kiu la bela sinjorino Zuyzertas ricevis kontentige sian parton: »Ankaŭ vi, ŝi skribis, kiel la ceteraj viroj, atentas nur pri sia supereco. Kompreneble la publike konata stulteco de sinjorino Z. vin trankviligas, eĉ ravas! Mia baptopatro jam delonge verkis en sia belega *Eglé:* »Se virino volas atingi la nivelon de viro, sufiĉas, se ŝi atingas ĝis lia ŝultro!« Kompreneble mi diras nur en bilda senco, ĉar ja en la realo tiu virino estas per tuta kapo pli alta ol vi, kaj se vi scius, kiel komika vi estas en la proksimo de tia gigantino! Cetere, mi tuj eltrovis, ke vi havas konsciencriproĉojn, kiam hodiaŭ matene, sen nomkarto, mi ricevis solan malbelan rozon, en skatolo plenŝtopita de vato. Mi komprenis! Tiun ĉi rozon, ĉu ne, kara Étienne, oni nomas »Konsciencriproĉo«.

Sekvis — per fino batas la vipo — la priskribo de lunĉo, en kiu la plej grandan rolon ricevis certa Cahncereuil...

Étienne, kiun tiu ĉi letero preskaŭ kapofrapis, tuj vokis la savanton, kiu pri ĉi tiu temo: »la rozo ne de mi devenis« improvizis same spritan kaj spitan leteron... »La afero komencas iĝi interesa!« — pensis en si Grégoire kaj diligente li frotadis la manojn. »Se mi ne intervenus siatempe, ankaŭ ili, kiel la ceteraj, falus en la

# La kursgvidanto kaj la kursanimo

— EMBA —

La kurso komenciĝis same, kiel ĝenerale la kursoj kutimas komenciĝi. Sed ĝin gvidis ne s-ro Baghy, nek la metodfama pastro: la gvidanto estis nur samideano Benda, kiu, cetere, estis konvinkita pri sia alta talento kaj — kiel ni vidos — bonege konis la historion, literaturon kaj ĉiuflankajn detalojn de la movado.

Li staris sur la estrado kaj klarigadis al la sciavidaj aliĝintoj, ke Esperanto jam estas oficiale akceptita mondlingvo: precipe en Germanio oni faras treege multe en la intereso de ĝia disvastigo; antaŭ nelonge oni konstruis tie grandan monumenton por ĝia eltrovinto Zamenhof; krom tio, la Gvidanto akceptis Heroldon de Esperanto kiel oficialan gazeton de la landa politiko. Dise en la tuta mondo aperas tre multaj Esperanto-gazetoj. La preciza »AELA« eldonas la dumonatan Literaturan Mondon, kiu estas la suplemento de la SAT-revuo, kiu lasta subtenas sin per la heredaĵo de ADLEL en Parizo. La Katolika Espero eldonas la revuon IPE, la Sennaciulo eldonas »ISE« en Hungario, kie ISE estas tre favorata de la HESL. La PIRÁTO de nun aperas en la sankciita Abesinio. Krom tio aperas tre multaj libroj. Antaŭ nelonge verkis la fama verkisto Baghy la intiman romanon PARNASA GVIDLIBRO, kiun s-ro Kalocsay komentas kaj klarigas en aparta libro titolita VIKTIMOJ. Kaj Zamenhof jam antaŭ cent jaroj manifestis, ke Esperanto, pro sia interna ideo, nepre venkos tuj post la Geneva Konferenco.

Tiu ĉi parolado de samideano Benda havis grandan sukceson. La gekursanoj flame aplaŭdis. Precipe blonda knabino kun ruĝaj lipetoj admiris pleje samideanon Benda. Eĉ por momento ŝi ne turnis la okulojn for de la fama Esperanto-scienculo kaj profesoro, kiu, krom tio, estis bela kaj juna »knabo«. Kiam je la fino samideano Benda anoncis, ke en la sekvanta horo li parolos larĝe pri la senco kaj esenco de la movado, la »ekesperantistoj« disiris kun plena entuziasmo.

*

La sekvantan tagon, samideano Benda iris promenpaŝe sur la bulvardo, kiam li subite estis salutata:

— Bonan tagon, samideano Benda!

Kontraŭ li staris la blonda knabino, kiu tiom admire lin rigardis hieraŭ vespere.

— Ĉu vi ne rekonas min? — ŝi trilis ĉarme kaj varme.

— Ho, kion vi imagas pri mi, kara fraŭlino! Mi havas bonan memoron kaj mi tuj rekonas miajn kursanojn, precipe se ili estas tiel belaj kiel vi!

La knabino ĉarme ekridetis.

— Kien vi iras? — ŝi demandis intime iom poste.

— Promeni.

— Ankaŭ mi havas la saman intencon.

— Nu, ni iru do kune, — proponis s-ro Benda kun iom da instruista gravo.

— Ĉu vi scias, kion ni faru? Ni iru al la monto. Tie ni trovos ombrajn benkojn kaj vi bonvolos paroli pri Esperanto.

La interkonsento estis farita. Ili ekiris.

— Vi eĉ ne imagas, kiel mi ĝojas pri tiu ĉi renkonto — ĉirpis plu la ruĝaj lipoj. — Mi flamas de studemo kaj sciavido kaj min ege interesas ĉio, kio rilatas Esper-

---

kaptilon de la filistraj edziĝoj kaj same estus sufokiĝintaj per tiu certa certeco, kiel tronutritaj bestoj per enterito.

— Ŝi ne konsideras min serioze! Primokas! — plendis Étienne.

— Li mensogis, kiam li diris, ke li min amas — ploregis amare Claire.

Kaj Grégoire, kies ununura teatraĵo ankoraŭ ne prezentiĝis, fine povis ekkoni la triumfan senton de dramverkisto, kiam li rigardas de post la kulisoj, kiel viviĝas liaj figuroj, dank' al la obeemaj aktoroj.

Sed oni ja ne povas ĉion antaŭvidi kaj antaŭscii. Venis ankaŭ la tempo, kiam kaj Claire kaj Étienne rezignis pri la interveno de Grégoire, ĉar oni ne bezonis lin por tio, ke ili frapu, unu por la alia, Robert Chancereuil kaj sinjorino Zuyzertas. Jam ili interŝanĝis nur mallongajn kaj krudajn telegramojn, kiuj ĉi foje vere devenis de ili. Neniu el ili vokis plu Grégoire. Al li okazis, kiel al la genioj: la verko superis la verkinton. Eĉ, iun belan tagon, la gepatroj sciigis lin telegrame, ke la mardan vespermanĝon, sen ia kaŭzo kaj klarigo, ili prokrastis por la sekvonta semajno. Claire iĝis tute nevidebla, kaj Étienne, laŭ la dommajstro, vojaĝis en Italion.«

Ĉe la vespermanĝo aperis nur Moitrinel kaj lia edzino, ambaŭ estis malafablaj kaj reteniĝemaj.

— Kie estas Claire? — zorgemis Grégoire.

— Ŝi estas malsana, — diris mallonga la patro. — Ŝi petis, ke ni ekskuzu ŝin antaŭ vi.

— Sed ja fine, kio do okazis? — maltrankvilis la romanverkisto.

— Nuraj nekredeblaĵoj... Claire rompis kun Étienne kaj la fianĉeco finiĝis.

— Kverelo de geamantoj! Nur fidu min. Mi ordigos la aferon.

— Lasu nur viajn eternajn frazaĉojn. Vi ordigos nenion, ĉar ja estas nenio ordigenda: Étienne, bedaŭrinde, freneziĝis pri ia aventurulino, kiu estas pli aĝa ol li almenaŭ per dek jaroj. Kompreneble, vi jam volus kriadi: »La kompatinda Claire!« Sed ne kompatu ŝin; tiu ĉi ansero volas edziniĝi al certa Chancereuil, kiu havas nek monon, nek estonton, nek profesion, nek kunligojn.

— Nu, sed ankoraŭ ne estas ĉio finita.

— Ĉu vi pensas? Pournier jam portis sian elektitinon al Firenze kaj Claire diras, ke ŝi mortigos sin, se ni ne cedos ŝin al Chancereuil. Do tiel!

— Nu tion... — ĝemis Grégoire frapita en la polvon.

— Jes, Étienne kaj Claire — ĝemadis Moitrinel... — Ili, kiuj ĉiam diris, ke ili estas liberaj... ke ili ne havas antaŭjuĝojn... ke ili legas nenion... Jes, ke ili legas nenion. Vere, ke ili legas, sed mi devas kredi, ke ili sin nutras per la malnova, per la plej malbona, plej danĝera literaturo, per tiu, kiu konstante serĉas ian abismon aŭ similan, ke ĝi havu kien ĵetadi la tiel nomatajn heroojn... Per la romantika, la katastrofa, la tragika literaturo!...

— Sortoturno!... diris Grégoire, per voĉo preskaŭ sufokiĝanta.

Kaj en tiu ĉi pia verkist-animo, kiu tiel gaje kaj sensuspekte miksis kaj konfuzis ĝis nun la vivon kaj la romanon, la libro-heroojn kaj la vivantajn homojn — la unuan fojon en lia vivo komencis vekiĝi guto da dubo...

El la franca: *L. Létinois.*



Hanak: *La lasta homo*

anton. Ho, kiel mi dezirus paroli kiel vi kaj scii tiel multe pri la movado! Tiom da mirindaĵoj mi jam aŭdis pri Esperanto kaj mi ne estos trankvila, ĝis mi ellernos la lingvon plene. Oni diras, ke la kimra princo portis Esperanto-kravaton kaj la Negus Negesti sin razas per Esperanto-razilo. Ĉu?

Samideano Benda ja nenion legis pri ĉio ĉi en la Parnasa Gvidlibro (kvankam en tiu libro enestas ĉio, eĉ kio ne enestas en la SAT-vortaro), sed li pensis: se ekzistas Esperanta klingo, kial ne ekzistus ankaŭ Esperanta kravato. Do, tre facile povis okazi, ke en la UEA-kongreso de 1935 en Romo, sinjoro Mussolini promesis, ke konkerinte Abesinion, li devigos la Negus-on, uzi Esperantan klingon. Kaj tio, ke la kimra princo favoris Esperanton, ja estas memkomprenebla.

— Kompreneble, fraŭlino, — li respondis vigle. Cetere, la plej gravaj kaj potencaj personoj favoras Esperanton. Ili parolas ĉiam tre favore por nia lingvo kaj movado. Bedaŭrinde, ili ankoraŭ ne ellernis la lingvon tiel perfekte kiel mi, sed tio ja estas komprenebla: ili ne havas tempon por tio. Ho, kara fraŭlino, vi eĉ ne imagas, kiel okupitaj estas tiuj gravaj personoj! Sed tamen, ili faras por Esperanto, kiom ili povas. Ekzemple, la rusa caro, s-ro Stalin, pentrigis sur la naciajn standardojn la kvinpintajn stelojn; domaĝe estas nur, ke la pentristo ne sciis, ke nia stelo havas verdan koloron. Ankaŭ la ĉina imperiestro havas kelkajn silkvestojn kun nia insigno. Krome, se aperas Esperanta libro, li tuj presigas la duan eldonon, kion oni tre subtenas en kelkaj eminentaj rondoj japanaj. Unuvorte, Esperanto estas tre-tre progresinta! Oni uzas ĝin ĉie kaj ĉie. Eĉ en milito, ĉe ŝturmoj, oni Esperante krias: »Hura!« Nur pretere mi mencias, ke s-ro Bulthuis, la fama verkisto, verkis romanon kun la sama titolo: »Hura! aŭ la Idoj de Paco«.

— Belege, belege — kriis la knabino. — Ho, kiel mi vin envias! Kiel mi deziregas scii tiel multe, kiel vi! — ŝi flamis, sed poste malgajiĝis. — Ho, ho! se mi havus amikon tiel eminentan kia vi, kiel rapide mi progresus en la lingvo-scio! La kurso ja nur rampas, rampas.

Tiuj vortos flatis samideanon Benda. Ilia rigardo renkontiĝis. Sekrete li komparis ŝin al sia edzino, kiu konstante grumblas pri lia esperantista agado.

Dume ili atingis la supron de la monto kaj sidiĝis sub komprenema arbo. Kelkajn momentojn ili silente observadis.

— Mi volonte helpus vin — ekparolis samideano Benda.

— Ĉu vere? — ĝojis la knabino.

— Kial ne? Ĉu ne ĝuste por tio mi estas ja esperantisto, ke mi eduku novajn adeptojn por la movado?

— Mi dankas! — ridetis la knabino kaj pliproksimiĝis al li tiel, ke unu sentis la varmon de la alia. La atmosfero iĝis streĉa.

— Mi dezirus, ke ni jam estu ĉe la fino de tiu ĉi kurso — parolis la knabino kun facila ĝemo.

— Kial? Ĉu ĝi jam tedas vin?

— Ne, ne, ne, ne! — ŝi krietis. — Tute ne! Kontraŭe! Mi jam volus esti travivinta la tutan kurson kaj scii ĉion ekscieblan. Mi havas amikinon, kiu tre bone parolas Esperante. Ŝi ĉiam fanfaronas, ke ŝi edziniĝis al la plej bona lernanto de la kurso, al ia komizo. Nu, mi diras tiam, ke tio ne estas tiel granda triumfo, kiel se ŝi estus edziniĝinta al la instruisto mem. Krome, ŝi rakontis ankaŭ tion, ke dank' al Esperanto jam tre multaj knabinoj edziniĝis: unu al franco, alia al finno, alia al serbo ktp. Ĉu vere?

— Jes, certe! Ŝi diris la veron! — pravigis samideano Benda. Aĉetu la Enciklopedion; tie vi trovas amason da tiaj okazaĵoj, kvankam tie estas menciita apenaŭ la duono. Ekzemple mi havas konaton: ankaŭ li edziĝis pere de Esperanto, eĉ jam eksedziĝis brile kaj sukcese, kvankam tio ne enestas en la Enciklopedio, sed ne grave — enestas en la movado! Ankaŭ s-ro Baghy diris la samon. Ĉu vi scias, kiu li estas? Li estas la fama verkinto de la »Verdkata Testamento« kaj »Streĉitaj Kordoj« kaj »Vortoj de Kamarado Lanti«, kiujn verkojn eldonis Raymond Schwartz en Parizo, per la helpo de SAT. Tiel estas, kara! Esperanto estas tre progresinta! Jen estas tutaj Esperanto-familioj, ekzemple s-ro Bleier kaj . . .

— Interese, tre tre interese! — entuziasmis la knabino. — Kara samideano, vi nenion povus de mi peti, kio ajn ĝi estus, kion mi ne plenumus, se vi promesus helpi min en la plej baldaŭ ellerno de la lingvo. Bolas en mi la san . . . la sopiro fariĝi plej rapide esperantistino.

— Ho kara, tre volonte mi faros tion! Plezure mi instruos vin ekster la kurso. Ni interkonsentu pri la tempo Ekzemple, morgaŭ . . . ne, ne . . . postmorgaŭ vespere ni povos renkontiĝi kaj poste, ĉiun duan tagon. Ĉu bone?

— Bonege, bonege! Sed mi tre timas, ke mi ne povos ellerni . . .

— Eh, ne timu! Mi esperas, ke tiel inteligenta knabino, kia vi, bone parolos jam post tri monatoj.

— Ĉu vere?

— Se vi dediĉos al la afero nur duonhoron tage, mia espero nepre realiĝos — li diris entuziasme. Sed poste, kvazaŭ pro subita rememoro, li rigardis sian horloĝon kaj saltleviĝis. — Ho kara, pardonu! Mi devas kuri al la stacidomo: mia edzino kaj fileto alvenos per la vagonaro de la oka.

La knabino aspektis kvazaŭ briko estus falinta sur ŝian kapon.

— Do, ĝis revido, postmorgaŭ vespere!

— Ne, ne, sinjoro! Subite mi konvinkiĝis, ke . . . jes, estus domaĝe pri la tempo. Esperanto neniam venkos. Adiaŭ!

# FRATETO

*— Jan Jian —*

Baj Ling kaj ŝia kuzo Ĉen Hung, sidante ĉe la du ekstremoj de granda sofo en la salono de Ĉen, paroladis sencele pri aferoj naciaj, familiaj kaj lernejaj. De tempo al tempo, obstine defendante siajn kredojn, ili ridinde kverelis, sed ĝuste tio esprimis la ekscititan afekcion inter la gekuzoj ĉe ilia revido post unujara disiĝo.

»Kuzino, mia patro ne elvenos nun — li ankoraŭ ne ellitiĝis. Mi regalos vin per bona cigaredo.« Tion dirinte, Hung stariĝis, elprenis ŝlosilaron el la poŝo de sia silkŝtofa peltrobo kaj iris al sia dormoĉambro en la malantaŭa korto por preni cigaredojn — al junuloj havantaj malpli ol dudek jarojn sinjoro Ĉen malpermesis fumi, sed li estis delonge kun unu okulo malfermita kaj la alia fermita.

Ling sin ripozigis oblikve al la sofdorso, silente kaj plezure rigardante la meblaron kaj dekoraciojn en la salono de sia onklo, kie ŝi ne ĉeestis jam unu jaron. Tie estis la elegantaj kuriozaĵoj, kies nomojn ŝi ne povis eldiri, la kelkjarcentaj renomulaj pentraĵoj kaj skribaĵoj sur la muroj, la moderna ebona meblaro, la netdesegna kaj diverskolora tapiŝo, la sofo tegita per pale blua flanelo. Do ŝia rigardo turniĝis al ŝi mem, sidanta en la bongusta sofo kaj portanta la solan olemakulan blutolan superveston... »Mia patrino ja estas lia propra fratino! Mi ja estas infano naskita de lia fratino! Kvankam la patrino mortis, ĉu li povas lasi min morti de malsato?!... Ju pli riĉa oni estas, des pli oni amas monon — jes, mi ne petus de li eĉ unu monereton, kvankam mi mortus de malsato...'

»Kuzino! Jen Tri-kasteloj!« Hung ridante enkuris, elprenis cigaredon el verda ladcigaredujo kaj ĝin donis al ŝi. Ŝi rigardis fikse la cigaredon en sia mano: diketan, kun sulketoj kruce al la kuniĝantaj paperrandoj, kun orstelo presita apud unu fino kaj linio da malgrandaj anglaj vortoj ,Three Castles' en la mezo, kaj la strietoj de tabako aminde hele flavaj — tian cigaredon ŝi ne vidis jam sep tutajn jarojn. Antaŭ sep jaroj, kiam ŝia patro ankoraŭ ne foriris de Pekino kaj estis ia ,estro' en la ministrejo por Internaj Aferoj, ŝi havis nur dek unu aŭ dek du jarojn. Ŝi ofte petegis de sia patro veturi en lia aŭto, kaj li ne povis ne kunporti ŝin al sia oficejo. Kaj profitante la tempon, kiam ŝia patro estis aferplena, ŝi grimpis sur la tablon, prenis el verda ladcigaredujo kelke da tiaj cigaredoj, diketaj, kun sulketoj ĉe la paperrandoj kaj presitaj orsteloj, kaj, kaŝiĝinte sub la grandan skribtablon, lude ilin bruligis...

»Ve! Jam antaŭ sep jaroj mia patro min forlasis!« ĝemis Ling fumante la kvazaŭ konatan cigaredon.

»Efektive! Estas jam dek tri jaroj, de kiam onklino mortis! — Ĉu vi ankoraŭ memoras, kiel via patrino aspektis?«

Ling ne respondis, kaj ankaŭ Hung nenion plu diris; malĝojo kaj blua fumo momente regis la tutan ĉambron.

»Mia juna mastro! Ekstere estas maljunulino, nomata Cao, kun infano. Ŝi diris, ke ĝi estas nevo de la mastro. Ĉu mi ŝin enlasu?« tre respekte raportis servisto Ŝii Ŝun, enveninte en la salonon, starante apud la pordo.

»Nomata Cao? Nevo de la mastro? Mi ja nenion scias pri tiu ĉi parenco! Raportu al la mastro!« diris Hung turnante al Ŝii Ŝun oblikvan rigardon, ĵetis la cigaredfinon en la cigaredpladeton, kaj, kuntirante kvazaŭ ŝajnige la nigrajn brovojn, sin apogante al la sofdorso, li diris indiferente, kvazaŭ al Ling, kaj ankaŭ kvazaŭ al si mem: »Kiel ĝene!«

Ling rigardis la altan dorsan figuron de Ŝii Ŝun en griza vatita robo; tiuj vortoj revenis akre en ŝian menson.

»Nomata Cao? Tiu infano estas nevo de la onklo?« ŝi stulte remaĉis. »Nur ni gefratoj mem havas la feliĉon esti nevoj de la onklo! Kaj nia nomo ja estas Bai, ne Cao.« Ŝi ne povis rememori tiun parencon, kaj ankaŭ kuzo Hung ne sciis. Sed subite ŝi ekdivenis: Estas tiu homo, estas tiu infano!...

Kiam ŝi estis dekunujara, iom pli ol unu jaron post kiam ŝia duonpatrino edziniĝis, en la daŭro de unu monato, preskaŭ ĉiutage, kiam ŝia patro venis hejmen je la dua aŭ tria horo nokte, ŝia duonpatrino nepre kverelegis kaj kverelegis, ĝis ili vekiĝis je la bruo kaj vestiĝinte kuris en la ĉambron de la patro, kaj la patrino iom post iom hontŝajne paciĝis. Kvankam la kaŭzon, kial la duonpatrino kverelegis, ŝi ne sciis tiam, tamen kelkaj vortoj, kiujn — preskaŭ la samajn ĉiutage — ŝi aŭdis plej klare, kaj pri kiuj ŝi havis la plej profundan impreson, nun ebligis al ŝi klare kompreni tiun okazon.

»Cao Mei-jan! Kia publikulinaĉo! Tiel vin sorĉas! Ŝi diris al vi, ke pro vi ŝi ne plu havas rilaton kun aliaj viroj, kaj vi ŝin kredas?! Aĉulino! Fiulino! Senhontulino! Iru al ŝi! Ne plu revenu!« kolere kriis la duonpatrino, kaj forĵetadis ĉion ajn, kio troviĝis apud ŝi: kuriozaĵon, plumon, inkŝtonon, tason, glason... kelkfoje eĉ ĵetadis ilin kontraŭ la patron. La patro, elportante la doloron, la postan tagon elmetis novajn glasojn, tasojn kaj ceteraĵn, kaj vespere denove... Ling ankoraŭ klare memoris, ke, ĝuste pro tio, ŝia koro tiam sentis malamon kontraŭ la duonpatrino, kaj pro tio ŝi intence malobeis ŝin por ,venĝi' sian patron kaj sekve ŝi estis riproĉata kaj batata.

Ŝi rememoris ankaŭ, ke post kelkaj monatoj, iun tagmezon, kiam ŝi akompanis la patron el la oficejo en la aŭton kaj ĝoje rakontis al li, kiu kelnero malbontraktis ŝin kaj kiu ,onklo' donis al ŝi skatolon da bombono, la aŭto subite haltis sur la asfaltvojo kun du vicoj da bonorde tonditaj malaltaj pinoj kaj kondukanta al la pordego de la Ministrejo por Internaj Aferoj, kaj ŝi starante antaŭ la aŭtofenestro vidis figuron, kiu kuŝis metron antaŭ la aŭto. Ĉang De — konfidata servisto de l' duonpatrino, sendita por kaŝobservi la patron — sidante flanke de la ŝoforo, riproĉe kriis:

»Ĉu vi ne volas vivi?! Kia loko por dormi?! For de tie ĉi!« Vidinte, ke la aŭto haltis, la kuŝinta homo subite stariĝis — Ho! virino! kun taŭzita hararo, blue flava vizaĝo, ruĝaj okuloj, larmoj en la palpebroj kaj kun vestoj malpuraj, kelkloke ŝiritaj kaj kelkloke flikitaj. Ling timigite rapide retiriĝis al la sino de l' patro. Ŝajnis, ke la patro konas la virinon, ĉar li maltrankvile ordonis al Ĉang De:

»Iru demandi ŝin, kio estas al ŝi!« Sed, antaŭ ol Ĉang De havis tempon por demandi, tiu virino jam sin ĵetis al la aŭto, frapadis la aŭtofenestron, plorante, kriante.

»Mortigu min! Mortigu min! Via moŝto sinjoro Bai! Kiel kruela vi estas! Tri tutajn monatojn, nek homon nek monon mi vidis, per kio mi vivus! Nur pro malsato mi min vendis por tia fiprofesio! De kiam

# *Kiel bela la junaĝo! . . .*

— *Lorenzo dei Medici* —

Kiel bela la junaĝo,
kiu fuĝos de ni plue.
Kiu volas, gaju ĝue!
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Vidu, Bakĥo kaj Ariana,
belaj, sin amantaj flame,
ĉar la trompa temp' tirana
fuĝas, ĉiam kunas ame.
Nimfoj kaj ceteraj, same,
vigle gajas plu kaj plue;
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Kaj la gajaj satiretoj,
nimf-amantoj, jen, senĝene
en la grotoj, arbaretoj
embuskadas centpostene,
aŭ, de Bakĥa varmo plene,
faras feston plu kaj plue;
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Tiuj nimfoj ja ne plendas
pri la ruzaj am-stimuloj,
kontraŭ Amo sin defendas
nur kruduloj, sendankuloj.
Miksiĝinte, en plezuroj,
ili festas plu kaj plue;
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Kaj jen, sur azeno sia,
bela ŝarĝ' Sileno venas,
olda, gaja kaj ebria,
li de gras' kaj jaroj plenas,
ja rekt-stari vane penas,
sed jubilas plu kaj plue;
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Sekvas Midas; ŝanĝ' al oro
tuj post lia tuŝ' eventas.
Kiom taŭgas la trezoro,
se la hom' ja ne kontentas?
Kaj ĉu dolĉon oni sentas
soifante plu kaj plue?
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Orelstreĉu bone ĉiu!
Paŝton sur morgaŭ' forlasu,
nun ni, aĝaj, junaj, kriu,
inoj, viroj, ĝojon ĉasu,
ĉiu trista pens' forpasu,
kaj ni festu, plu kaj plue,
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Junaj damoj kaj amantoj,
vivu Bakĥo kaj Amoro,
kaj muziko, dancoj, kantoj!
Ardu de dolĉec' la koro.
Nek laciĝo, nek doloro!
Kiel estas, estu plue,
kiu volas, gaju ĝue,
pri l' morgaŭ' ne certas saĝo.

Kiel bela la junaĝo,
kiu fuĝos de ni plue...

El la itala: *K. Kalocsay.*

---

mi loĝis ekstere kun vi, mi jam esperis fariĝi bona virino, mi vivis fidele al vi kaj ne plu havis rilaton kun alia viro. Ke mi vin ne hontigu, mi ne volis vin viziti. Tamen vi ne venis kelke da monatoj, ĉion lombardigeblan mi jam lombardigis, ĉion vendeblan mi jam vendis, kiel mi vivu de nun! Mortigu min! Mi petas, ke vi min mortigu. Mi volas esti via eĉ post morto!... Tiu ĉi infano estas via sango kaj karno, ĝin prenu hejmen kaj eduku...« diris la virino plorante kaj montrante al la flanko de la asfaltvojo, kien rigardante Ling vidis ruĝan tolrulon, de kie elvenis akra kompatinda ploro de infaneto.

La patro maltrankviliĝis, ne sciis kion fari kaj balbutis:

‚Re — reiru! Re — reiru!' kaj sin turninte al Ĉang De, kiu elaŭtiĝinte, staris flanke, li mankaresis siajn lipharojn, kaj kun rideto rigardis tiun virinon per ŝtelistaj okuloj, la patro diris:

»Do — donu al ŝi kelkan monon!« Ĉang De kapjesis. Sed, vere, la patro havis neniom da mono sub sia dispono, ĉar la duonpatrino timis, ke la patro sin malsanigos per diboĉo, kaj tial lin ordonis, ke li transdonu al ŝi ĉiun moneron el la ĉiumonata okcentdolara salajro kaj sciigu ŝin pri la uzo, kiam li bezonos monon. Tion la patro eble forgesis, ĉar li elprenis sian monujon, sed kelke da vizitkartoj kaj unu agendo tuj rememorigis lin.

»Reiru! Vespere — vespere mi sendos — sendos al vi du cent dolarojn! — Irigu la aŭton!« Tirinte la virinon iom flanken, Ĉang De eniris la aŭton, ‚bang' sonis la aŭtopordo, ‚dudu' sonis la motoro kaj la aŭto rekte kuris el la pordego de la Ministrejo por Internaj Aferoj...

Ling memoris ankaŭ, ke kiam ŝi resaniĝinte denove iris al la patra oficejo, ili ne tagmanĝis hejme, sed prenis bongustegan okcidentan manĝon; kaj ke ĉar ŝi petis manĝvergojn, la kelnero ridis je ŝi kaj ŝi ploris.

Ŝi memoris eĉ pli klare, ke la sekvantan printempon la politika situacio ŝanĝiĝis, ŝia patro foriris de Pekino kune kun la duonpatrino kaj la unujara frateto Bao — naskita de l' duonpatrino — kaj ne plu revenis. Ili forlasis ŝin en Pekino sen adiaŭo, sen mono, tiel same, kiel Ĉao Mei-jan... jam sep jarojn...

»Kuzino! Fumu alian cigaredon!« Ling ekvekiĝis, kiel el sonĝo, kaj fikse rigardis al Hung tenanta cigaredon. Post momento, tiun cigaredon ŝi prenis kaj, ĝin ekbruliginte, ekfumis. Ŝi ensuĉis kelkfoje kaj diris mallaŭte al Hung:

»Ĉu mi eliru vidi?«

»Kion vidi? Ne estas malriĉuloj ne abomenaj!« Tion dirinte Hung eksentis la malkonvenon de tiu diraĵo antaŭ Ling kaj ruĝiĝis, sed vidante, ke sur ŝia vizaĝo ne estas eĉ plej malmulta esprimo de ofendiĝo,

li ŝajnigis sin senĝena, intence iris al la ĉambrangulo kaj ĵetis la cigaredfinon en la kraĉujon.

»Ni iru vidi! Eble venis tiu...« Ŝi ne finis la frazon, sed Hung fine iris kun ŝi el la varmigita de vaporhejtilo ĉambro.

»Kial vi nin tiel ĝenadas! Ĉu mi ne diris al vi, ke nia mastro ne konas vin?« Ling tuj aŭdis, ke la servisto Ŝii Ŝun tion krie diras interne de la pordego.

»Ne konas?! Kiu ne konas Bai Gin-ĵih? Ĉi tiu infano estas filo de Bai Gin-ĵih...« Tion Ling aŭdis klare, kiam ŝi atingis la ŝtupojn interne de la pordego. ,Bai Gin-ĵih', — la nomo de ŝia patro! Ŝia kapo turniĝis, la oreloj zumis al ŝi, la pluan diraĵon ŝi ne povis aŭdi, la kruroj tremis, ŝi pene supreniris kaj, enirinte en la pordejon, vidis, ke kuzo Hung kolere krias gestadante:

»Foriru! Kiel vi kuraĝas pretendi, ke vi estas nia parenco? Mi ne konas vin!«

»Ne utilas diri, ke vi ne konas! Vi estas fraŭlo Ĉen, ĉu ne? Jen estas via kuzo; lia patro lin forlasis, ne venis eĉ letero jam sep jarojn, oni ne scias, kie lia patro estas, lia patrino mortis antaŭ pli ol kvin jaroj...« diris maljuna virino sidante sur la malalta ŝtonleono ekster la pli ol unu futon alta sojlo; ŝi estis blankhara, sulkplena, simila al almozulino. Etendante el la eluzita maldika vesto tremantan velkintan manon malantaŭ sin, ŝi daŭrigis:

»Paŝu antaŭen! Salutu vian kuzon! Li donos al vi manĝaĵon...«

»Al la diablo! Kuzo?! Kiu vin konas?! For!« Hung kolere svingante la manon ordonis al la servistoj, ke ili ŝin forpelu.

Maldika, malforta infano rampis timeme el post la maljunulino. Ling ne kuraĝis ĝin rigardi, tamen fine ŝi ĝin rigardis — ho! longeta vizaĝo, iom elstara frunto, nigraj grandaj pupiloj, la flankaj okulanguloj iom leviĝantaj, alta nazo, elstaraj lipoj. Ho! tiom ĝi similis, tiom similis ŝian patron! Ŝi konfuze kaj freneze kuris al ĝi, firme tenegis ĝiajn manojn, vokonte ,frateto'. Subite granda fortego haltigis ŝian langon, venena akra voĉo sonis ĉe ŝia orelo!

»Vidu! Kion vi faras!« Ŝi delasis tiun delikatan, glacian, velkan manon kaj penis diri en tia trankvila kaj milda voĉo, per kia oni diras al ordinara aminda infano:

»Infano! Kiomjara vi estas?«

»Okjara.« Kvankam ĝi tremis en eluzitaj maldikaj vestoj, la pala vizaĝo de la infano ruĝiĝis de honto. La infano estis tiel aminda, tiel bela, tiel digna, ke ĉiu kredus, se oni dirus, ke ĝi estas infano de ŝia patro. Ŝi fikse ĝin rigardis, ne povis diri unu vorton plu, kvankam multon ŝi volis diri.

»Venu! Mi estas via fratino; kiel frateto Bao, vi tiel same estas mia frateto de sama patro kaj malsama patrino; kiel li, vi tiel same estas nevo de onklo mia. Vi ankaŭ devus sidi en tiu varmigita de vaporhejtilo ĉambro kaj esti afable traktata. Vi... venu!« Ŝi volis tion diri, sed ne eldiris, ŝia onklo ne konfesis lin kiel sian nevon, ŝia patro ne konfesis lin kiel sian filon, la socio ne konfesis lin kiel ,homon', kiel ŝi povis havi la forton eldiri kaj lin voki ,frateto'?!

Rigardinte Ling, la solan mildan, bonkoran personon, kiun ŝi renkontis tie ĉi, kaj rigardinte la malpuran blutolan robon, kiun Ling portis, la maljunulino, ŝajne ekkuraĝiĝinte, diris:

»Vi servas la fraŭlojn kaj fraŭlinojn ĉi tie, ĉu ne? Mi diru al vi tiun ĉi aferon, vi bonvole raportu al via mastro...« Ling konfuze sin turnis al la maljunulino ofendiĝante, ĉar tiu ne sciis, kiu ŝi estas; sed samtempe konflikta penso diris al ŝi, ke ŝi devus danki tiun maljunulinon pro tio, ke ŝi ne eltrovis, ke ŝi estas fratino de la infano.



Haller: *Abesina knabo*

»Lasu min rakonti al vi: Tiu ĉi infano estas filo de mia filino. Gia patro ĝin forlasis. Antaŭ sep jaroj ĝia patrino, portante ĝin, vizitis ĝian patron ĉe la Ministrejo. Li diris, ke oni sendos al ni du cent dolarojn. Sed ĝis kiam ĝia patrino mortis, ni ja ne ricevis eĉ unu moneron! De tiam mi lavadas kaj kudradas, kaj tiel ĝin nutras. Sed nun mi ne kapablas, mi maljuniĝas! Vidu, ke ĝis nun ni ankoraŭ ne havas vatitajn vestojn!... Gia patro loĝas en granda eŭrop-stila domo, veturadas en aŭto ... Vi scias, ke ĝia patro estas Bai Gin-ĵih, — kiu ne konas Bai Gin-ĵih? Antaŭ ol li foriris, li perlaboris kelkmil dolarojn ĉiumonate en granda oficejego! Bai Gin-ĵih! Kiu lin ne konas?!... »La maljunulino ripetadis la nomon de ŝia patro, ĉiu silabo pikis ŝian orelon, ŝian koron.

»Mia filino nomiĝis Cao Mei-jan, mi portas kun mi foton de ŝi kaj de Bai Gin-ĵih, vidu, se vi ne kredas!« diris la maljunulino kaj efektive transdonis al ŝi paperpakon. Ling skuis sian kapon, ŝi ne havis kuraĝon ĝin vidi.

»Oni diris, ke oni nin ne konas, sed kiu ne scias, ke sinjorino Bai estis fratino de sinjoro Ĉen? Sinjorino Bai mortis antaŭ longe, forlasis unu fraŭlinon kaj du fraŭlojn. Poste Bai Gin-ĵih edziniĝis alian, nomatan Uang, ĉu ne?«

»Jes, jes! Ĉio rilatas al nia familio! Kaj tiu fraŭlino forlasita de la fratino de sinjoro Ĉen ja estas mi mem!« Ling volis tion eldiri, sed ŝi nenion diris, nur konfuze tiris siajn harojn.

»Mi ne povis trovi ĝian patron; se mi sendos ĝin al orfejo, oni postulos de ni tri garantibutikojn. Kiu garantius por ni?! Mi ekmemoris sinjoron Ĉen. Petu lin por ni, ke li faru ĝin servisteto. Kio restos de via manĝo, sufiĉos por ĝin satigi... Ve! jam du tagojn ni ne manĝis...«

»Avino! Ni iru!« diris tiu infano, levante sian amindan kapon kaj tirante la veston de la maljunulino.

»Ni iru? Atendu onklon! Onklo vin manĝigos, vestos. Ĉu vi ne malsatas? Ne sentas malvarmon?...« La infano, larĝe malferminte siajn grandajn nigrajn okulojn, ŝin rigardis kaj silentiĝis. Tion vidinte, Ling preskaŭ ploris, sed kion ŝi povis fari?! Ŝi volis malgraŭ ĉio ĝin ricevi, nutri, eduki, ĉu la socio permesis ĉu ne, ke ŝi voku ĝin ,frateto'. Ŝi volis ĝin forporti kun si.



Kokoschka: *La pentristo Carl Moll*

Sed per kio ŝi ĝin nutros, edukos? Ŝi, kiel ĝi, estas infano forlasita de la patro, nur ŝi estas pli maljuna, povis vivi tiujn sep longajn jarojn per sia propra povo kaj grandaj penoj... Sed kiel tiuj malmultaj dolaroj, kiujn ŝi gajnas ĉiumonate, povus ankaŭ ĝin nutri? Krome... la socio...

»Kvankam ni perlaboris per tiu profesio, mia filino ja estis bonulino! De kiam ŝi konis Bai Gin-jih, ŝi tuj ĉesis pagi la imposton kaj ricevis neniun alian plu. Antaŭe ankaŭ sinjoro Bai estis tre bona, ofte ŝin vizitis, ofte donis monon al ni. Nur de kiam li edziniĝis tiun virinon nomatan Uang...«

»Idioto! Foriru!« Starante tie Hung delonge malpaciencis kaj, tirante la veston de Ling, li diris: »Kial vi atentas ŝin? Ĉu vi ne timas, ke pedikoj rampos sur vian korpon! Kiel malvarme! Ni eniru!« Ŝin tirante, li ekiris. Ling sekvis lin, rerigardante al la infano ĉe la sino de la maljunulino, tiel simila al la patro, tiel aminda...

»Frateto!« Ŝi interne ĝin vokis malĝoje, intime kaj fervore. Pene turninte la kapon antaŭen, ŝi vidis dekkelkajn geservistojn amasiĝantajn en la pordejo. Ĉiuj vizaĝoj ridetis al ŝi. Ŝi sciis, ke tiu rideto diras: »He, via frato!« Retenante la larmojn kaj elportante la doloron, ŝi mallevis sian kapon kaj eniris.

Enirinte la salonon, Hung iris al la malalta ebona tableto antaŭ la sofo, prenis du cigaredojn el la verda ladcigaredujo kaj donis unu al Ling. Ŝi mekanike ĝin prenis, rigardante rekte antaŭen. La sono, kiun Hung faris frotante alumeton, ŝin ektremigis. Ŝi fale sidiĝis en la sofon, fumante. Ŝajnante febranta, ŝi jen malvarmiĝis, jen varmiĝis. Ŝi rigardis ĉiun objekton en la ĉambro, penante trovi ion, kio povus ŝin eksciti, distri. Sed ŝi povis trovi nenion. Ĉiu tablo kaj seĝo, ĉiu pentraĵo kaj skribaĵo, ĉiu vazo, ĉiu taso, ĉiu kuriozaĵo, kies nomon ŝi ne sciis, estis vizaĝo longeta, kun iom elstara frunto, grandaj nigraj pupiloj, la flankaj okulanguloj iom levitaj, alta nazo, lipoj elstarantaj — tiuj multnombraj vizaĝoj moviĝis antaŭ ŝiaj okuloj, jen proksimen, jen malproksimen, jen ŝajne ridetantaj al ŝi. Ŝi rigardis ilin — »de la patro?«, »de la frateto?« ŝi ne povis distingi.

»Verdire, estas vere«, diris Hung sin apogante al la sofdorso, eligante densan fumcirklon. »Kiel simila al la onklo! Kaj ĉio, kion ŝi diris, estas vera. Sed, vi scias, ni ne povas konfesi. Pensu, ŝi nutris ĝin sep jarojn, kiom ni devus al ŝi pagi? Kiom kostus ĝia nutrado? Ĝia eduko? — se ni ĝin konfesus, ni ne povus ne eduki ĝin. Kaj ĉu tiu maljunulinaĉo de nun ne ofte venus por nin eltordi? Kiam ŝi mortos, ĉu ni ne devus ŝin enterigi? Ĉu ni havas tiun ĉi devon? Kaj, krome, laŭ leĝo la rajton konfesi infanon antaŭ edziĝo havas nur la patro, ne ni...«

Ling ne povis plu sidadi tie kaj aŭskulti al tia parolo. Ŝi kolere stariĝis. Ekflamiĝis ŝiaj okuloj. Ŝi fikse rigardis Hung; al ŝi ŝajnis, ke la pekon de forlasado de tiu infano faris ne ŝia patro, sed Hung. Ŝi volis severe lin bati, pece lin disŝiri. Subite ŝi volis plori; ŝia koro, ŝajne pikita de io, akre doloris. Ŝi pinĉestingis la cigaredon per du fingroj. Stranga voĉo ŝprucis el ŝia buŝo:

»Mi ne eniros. Diru al la onklo por mi, ke mi foriras.« Ne plu rigardante lin, ŝi turniĝis malantaŭen. La frapiĝo de la glacia porcelana pordotenilo kontraŭ ŝian manplaton ŝin tremigis, kaj samtempe klare rememorigis ŝin pri tiu infano:

»Ĝi ne havas manĝaĵon, nek vatitan veston!« Ĉi tiujn jarojn ankaŭ ŝi mem ofte ne havis manĝaĵon kaj vatitan veston, sed ŝi neniam petis unu moneron de sia onklo, malŝatante vidi lian ĉiam ridetaĉantan vizaĝon aŭ aŭdi lian malvarman diraĵon: »Multaj estas, kiuj ĉe mi manĝas; estas malfacile mastrumi.« Jes, por savi infanon mortontan de malvarmo kaj malsato, ŝi ja povus konscience, kuraĝe kaj sen la plej eta honto etendi la manon, kiu neniam petis monon de iu ajn, al sia milionula onklo por peti iom da mono, sed... tiu frostmortonta kaj malsatmortonta infano estis ŝia frateto, ho, ŝia frateto!...

Ŝi firme eliris el la salono. Forta vento, vento portanta sablon kaj malvarmon, blovegis kontraŭ ŝin. Ŝi rapide enŝovis siajn manojn en la varmajn poŝojn de la vatita robo, sed, subite, ŝi sentis glacian malmolan objekton — ho! unu dolaron! per kiu ŝi aĉetos manĝaĵon por la estonta semajno. Ŝi tuj ĝin firme tenis, kvazaŭ ricevinta vivon.

»Ĉu vi iras, fraŭlino Ling?« diris al ŝi la servistoj ekstere de la dua pordego, sed en ŝia orelo zumadis: »via frateto!« Ŝi sin kuntiris, penis eviti renkonton de siaj okuloj kun iliaj kaj konfuze kapjesis.

Sur la malalta ŝtonleono ekster la pordego sidis ankoraŭ tiu maljunulino. La infano jam endormiĝis, apogante la kapon sur ŝia genuo. Evitante plue vidi la infanon, Ling penis levi altaj la okulojn. Pasante preter la maljunulino, ŝi ĵetis al ŝi la varmigitan de sia mano dolaron kaj murmuris:

»Nia mastro ĝin donis al vi,« kaj malsupreniris la ŝtupojn, rapide foriris kontraŭ la malvarmega nordventon.

»Per unu dolaro ĉu mi povas reaĉeti la vatitajn vestojn el la lombardejo aŭ aĉeti manĝaĵon?!« sonis post ŝi la raŭka voĉo de la maljunulino.

El la ĉina: *Venlo Fon.*

# *Tri pecetoj de Baudelaire*

*HUNDO KAJ FLAKONO.*

»— Bela, fidela, kara hundo mia, venu kaj flaru ĉi tiun bonegan parfumon aĉetitan ĉe l' plej bona parfumisto de la urbo.«

Kaj la hundo, svingante per la vosto, kio miakrede signas ĉe tiuj kompatindaj estuloj ridon ; kaj rideton, alproksimiĝas kaj metas demandeme sian malsekan nazon sur la senŝtopilan flakonon; kaj, subite paŝante malantaŭen, timigite ekbojas riproĉe al mi.

»— Ha! fia hundo, se mi prezentus al vi pakon da ekskrementoj, ja vi plezure flarus ĝin kaj eble glutus. Nu, vi mem, malinda kunulo de mia bedaŭrinda vivo, similas tiun publikon, al kiu delikatajn parfumojn, incitilojn de kolero, oni devas neniam prezenti, sed liveri zorge elektitan fekaĵon.«

*EBRIIĜU.*

Estu konstante ebriaj. Jen la tuta kaj sola konsiderinda punkto. Por esti liberaj de l' abomeninda pezo de l' tempo, kiu premrompas al vi la ŝultrojn, kaj klinas vin perforte al la tero, ebriiĝu senhalte.

Per kio? — Per vino, poezio aŭ virto laŭplaĉe; sed ebriiĝu.

Kaj sur palacaj ŝtupoj, sur fosa verdaĵo, en la malserena soleco de via ĉambro se vi okaze vekiĝos sentante, ke via ebrieco ĉu parte, ĉu tute jam perdis sian efikon, demandu la venton, la ondon, la stelon, la birdon, la horloĝon, ĉion, kio forkuras, ĝemas, ruliĝas, kantas, parolas, demandu pri la horo kioma; kaj la vento, la ondo, la stelo, la birdo, la horloĝo respondos: »Jam estas la horo por ebriiĝi! Por ke vi ne estu sklavoj turmentataj de l' tempo, ebriiĝu, senhalte ebriiĝu! Per vino, poezio aŭ virto laŭplaĉe.«

*LUDILO DE MALRIĈULO.*

Pri senkulpa amuzo imagon mi volas havigi al vi, tiom malmulte da efektive senkulpaj amuzoj estas renkonteblaj!

Kiam vi matene promenos kun konscia intenco vojiri sencele, plenŝtopu viajn poŝojn per tiaj kelksoldaj bagatelaj eltrovaĵoj, nome platligna ŝnuretmovata pulĉinelo, ambosfrapaj forĝistoj, rajdisto sur fajfilvosta ĉevalo, kaj apud trinkejoj, piede de arboj disdonu tiujn ludilojn al nekonataj malriĉaj infanoj, kiujn vi okaze renkontos. Vi konstatos, ke iliaj okuloj supermezure vastiĝas. Komence ili ne kuraĝas akcepti, ili dubas pri sia feliĉo. Baldaŭ ili abrupte ekkaptos la donacon, kaj forkuros kiel katoj, kiuj lerninte malfidi la homon, rapidas malproksimen post enbuŝigo de la manĝota peceto al ili ĵetita.

Vojrande, malantaŭ la krado de vasta ĝardeno, funde de kiu aperis blanke brila en la sunlumo belarĥitektura kastelo, staris gracia, sanaspekta infano en elegante altranĉita kampa kostumo.

Tiajn infanojn lukso, senzorgeco kaj konstanta spektaklo de riĉaĵoj igas tiel beletaj, ke oni povus pensi, ke ili estas faritaj el alia materialo ol infanoj de mezklasa aŭ popola deveno.

Apud li sur herbotapiŝo kuŝis, tiel freŝa kiel sia mastro, multekosta ludilo lakita, orumita, purpure vestita kaj kovrita per plumtufoj kaj vitraĵaj ornamoj. Sed la infano tute ne atentis sian plejamatan ludilon; kion li rigardis, tio estas jena:

Trans la krado, sur la vojo, meze de kardoj kaj urtikoj ankaŭ staris alia infano malpura, malbonaspekta, kvazaŭ fulge ŝmirita, unu el tiuj knabaĉoj, kies belecon senpartia observanto malkovrus, se li purigus lin de la naŭza mizero-ŝmiraĵo, same kiel farus kompetentulo elflarinta idealan pentraĵon sub krudlaka tavolo.

Tra tiuj simbolaj ferstangoj, kiuj faris apartigon inter du mondoj, publika ŝoseo kaj kastelo, la malriĉa infano vidigis al la riĉa sian propran ludilon, al kiu tiu ĉi avide okulumis, kvazaŭ ĝi estus io malofta kaj nekonata. Nu, tiu ludilo, kiun la vojuleto incitis, svingis kaj skuis en kradita skatoleto, estis... viva rato! La ludilon kredeble pro ŝparemo la gepatroj prenis el la vivo mem.

Kaj ambaŭ knaboj fratece ridis unu al la alia per dentoj samblankaj.

El la franca: *Marc Pujo.*

## Sorparbo

— Marie Under —

Ŝvelis ĝi de ĉiu flanko,
Verdon tute kovris blanko,
Pro florad' petol-inklina
Flirtis kvazaŭ rob' virina.

Ĉien la florneĝ' sin ŝovis,
Vojon tra l' fenestro trovis,
Dum abundis dolĉ-aromo
Iom naŭza ĉe la domo.

Kiam vent' la florojn levis,
Kvazaŭ kuseneg' ekkrevis —
Kaj lanugoj en grandaro
Svarme flugis dum la falo.

*

Ĝi nun iĝis serioza,
Verdas en kviet' ripoza.
Ĉu lacigis am-ebrio?
Ŝvelas nova energio.

Ree kaptas ĝin frenezo:
Troas jam la ruĝa pezo —
Kiom da sukaĵo densa!
Ho, volupto senpripensa!

Ĝin feliĉo ŝarĝe premas —
Eĉ aer' nun sangoplenas.
Pereigas abundeco,
Ĝia troas fekundeco.

Nur beraroj, bero-ruĝo!
Ne sukcesos plu rifuĝo:
Altrudad', impertinento —
korton kovras ruĝ-tegmento.

Ĝeme la pordego krakas,
Jam verandon ekatakas
La sorparoj venkon ĝuas,
Ruĝo, ruĝo ĉien fluas.

Tra l' fenestro frumatene
Jam ruliĝas ili ĝene,
Eĉ la dormo ekpurpuras,
Ruĝon, ruĝon respegulas.

El la estona: *Hilda Dresen.*



# OBSERVO

(A. M.) GORKIJ. De jardekoj mi gardas en mia ĉambro foton: en la arbaro de Jasjana Poljana, inter neĝaj arboj, staras maljunulo kaj junulo: la maljunulo surhavas la proletveston de rusaj mujikoj: kitelon, zonon ĉirkaŭ la kokso, senformajn ŝuaĉojn kaj entute li aspektas kvazaŭ rusa lignohakisto, kiu dumlabore ripozas en la arbaro; la alia, la pli juna, apogas sin sur sian bastonon, li estas vestita urbane, ja ne tute elegante, sed tamen burĝe. Lia surtuto estas bonfasona, lia ĉapelo iom arteca. La maljuna kamparano estas grafo Tolstoj, la juna urbano Maksimo Gorkij, la »kozako«. Malhele ili rigardas en la lenson de la fotoaparato; sur ĉi tiu bildo Tolstoj jam estas sepdekjara, Gorkij apenaŭ estas tridek aŭ tridek kvin. La vizaĝo de Tolstoj estas maldelikata kaj kruda: ĝi estas la vizaĝo de kamparano, kiu jus paŝis el arbaro, kien li apartenas ne formoveble, kie li naskiĝis kaj kie li pasigis la vivon. La pejzaĝo, arboj, arbustoj, griza ĉielo, la dezerta rusa angulo estas la natura fono de ĉi tiu alta maljunulo, kiu, el sub la sulkigitaj brovoj, vidas la mondon per nerepacigebla kaj severa rigardo. Sur ĉi tiu bildo rigardas mujiko multe spertinta kaj multe suferinta, ligita al sia fiksa ideo kaj fiksa tero; ĉi tiu mujiko estas Tolstoj, la grafo. La alia figuro estas Gorkij, ĉiamaniere pli urbeca, pli »burĝeca«, ne nur laŭ la vesto; la vizaĝo estas plena de konfliktoj, de serioza spleno; unu manon elegante li enpoŝigis, per facila klino li apogas sin sur promenbastono kaj entute li aspektas kiel sukceshava urba verkisto, kiu ekskursis en vilaĝon, promenas en arbaro, renkontis mujikon, longe parolis kun la »infano de la popolo« pri vivo kaj morto kaj eĉ toleris, ke li estu fotografita por la moskvaj ilustritaj revuoj. La paralelon mi ne volas pli akrigi, ĉar, en la finaj konsekvencoj ĝi eĉ ne estas pravigita. Sed, okaze de la morto de Gorkij, mi legis pri li multajn studojn, artikolojn, rememorojn, — manifestaĵojn, kiaj povas naskiĝi nur en la momento de morto, ĉar ili estas tro personaj, kaj intimaj, por ke la memorskribantoj publikigu ĝin jam en la vivo de la eminenta verkisto, — kaj fininte la aktualajn revadojn, mi prenis de sur la muro la malnovan foton kaj longe ĝin rigardis. La foto estis farita en Jasjana Poljana, ĉe unu el la promenoj, pri kiuj Gorkij rememoras en sia taglibro. Sur ĉi tiu foto, Tolstoj estas jam nura »rolo«, profeto kaj misiisto; li jam verkis la romanon »Milito kaj Paco« verkis la »Morton de Ivano Iljiĉ«, li jam nur predikas kaj skribas taglibron; kaj post unu el tiuj promenoj notis Gorkij en sia taglibro, ke Tolstoj subite ekploris kaj al la maltrankvila demando de la juna amiko li respondis malespere: »mi ploras, ĉar mi ĉion skribis kaj diris, kion eblas skribi kaj diri pri la vivo, sed en nenio mi sukcesis, la homoj ankaŭ hodiaŭ ne estas pli bonaj, pli saĝaj, pli feliĉaj.«

La du figuroj sur la foto estas mortintaj; la revolucio, por kiu unu estis senvola preparanto, la alia ĝia oficiala kaj festata verkisto, proksimume antaŭ dudek jaroj, je kolosaj kostoj, »realigis« tion, je kio kredis la du verkistoj, je kio ili sin jurdevigis, kion ili anoncis. Tolstoj estis grafdevena, kristano kaj mistika »komunisto«; Gorkij devenis de etburĝoj, — lia patro estis prokuristo de ŝipentrepreno, lia patrino estis filino de riĉa komercisto, — en sia junaĝo li forvagas el la gepatra domo, vivas sur la bordoj de Volgo inter mujikoj kaj laboristoj. En sia dudektria jaro li verkas kaj publikigas en kaŭkaza ĵurnalo sian unuan verkon kaj post tri jaroj jam tuta Rusujo konas lian nomon; liaj verkoj tuj estas tradukataj al la plej multaj lingvoj de la mondo. Li konatiĝas kun la rusa revolucio, fariĝas amiko de Lenin; post la 1905-a moskva ribelo li fuĝas tra Finnlando al Ameriko, de tie li iras al Capri kaj vivas tie dum sep jaroj. Tiam lia nomo jam estas mondfama, la prestiĝo de liaj laboraĵoj estas nedifektebla, kaj enlande kaj eksterlande. La militon li travivas en Moskvo kaj en la Krimea duoninsulo; la revolucio rigardas lin sia oficiala verkisto, sed Gorkij ne tute konsentas kun la mastroj de la sovjetoj, dufoje li elmigras, lia rolo en la revolucio estas homa kaj justa. La fratino de Lenin, Uljanova, skribas nun en rusa gazeto, ke »Gorkij venis al Kremlo ĉiam por nur por aliaj, ĉiam li volis helpi; li petegis amnestion, kaj Lenin, kiu lin amis kaj respektis, ĉiam priaŭskultis lian peton, kaj, kie estis eble, li helpis al la protektatoj de Gorkij.« Li ege kondamnis la literaturpolitikan sistemon de la sovjetoj; konata estas lia parolo, kiun li diris antaŭ du jaroj en Moskvo, en la »Kongreso de Verkistoj«, kiam li postulis nepran liberon por la verkistoj. Li postulis, ke oni ĉesigu la literaturan partiodiktaturon. Li brulstampis la agitan tendenc-literaturon kaj per sia influo li atingis, ke la rusaj verkistoj liberiĝis el la jardeka primitiva kaj burokrata spirita terurismo; la verkistoj ne plu devas siajn verkojn limigi al la sovjeta politika aktualeco, kaj ili denove povas skribi pri la homo, kiu estas ne partiano, sed la eterna ludilo de vivo kaj morto. Gorkij estis granda verkisto jam antaŭ la milito kaj li restis granda homo ankaŭ en la revolucio. Li devenis de etburĝoj, sed jam liaj unuaj verkoj vicigis lin inter la verkistojn de proletaro; li neniam predikis, ĉiam »nur« verkis. Li fiksis vivojn, skizis sortojn, ne konkludis el tiuj sortoj, ne induktis politikajn dogmojn el siaj ekkonoj, kaj tamen, ĉie en la mondo la proletaro fermis lin en sian koron. La homoj sentis: tiu ĉi kozako estas nia homo. De la momento de sia ekverko Gorkij estis konata de la mondo; liaj verkoj pli rapide kaj pli intense penetris eksterlanden ol tiuj de Tolstoj, kiu nekontraŭstareble, sed per malrapida ondado trais la universalan homan spiriton. Gorkij havis sukceson kaj pri tiu »sukceso« nun artikolas febre tiuj, kiuj lin konis, kiuj estis en lia proksimo, kiuj estis atestantoj de la senekzempla scio de ĉi tiu granda individuo.

Kio estis la sekreto de lia sukceso? Gorkij gardis en la revolucio sian verkistan objektivecon, sian homecan dignon. Liaj verkoj prezentis la vivon de »malriĉuloj«, sed la verko kaj la homo servis ne la idealojn de unu partio, de unu movado, sed tiujn idealojn eternajn, kiujn, jes ja, la lernolibroj etikedas kiel »ĝenerale homajn«. Inter la artikoloj, kiuj nun, post lia morto, klopodas klarigi la sekreton de lia individueco, tre impresis min la rememoro de Ivano Bunin, la Nobelpremiita, elmigrinta rusa verkisto. Bunin en iu franca gazeto priskribas siajn propraĵn rememorojn; dum jardekoj li vivis en la proksimo de Gorkij, ili loĝis kune en Krimeo, ili renkontiĝis en Moskvo, ili estis kune en Capri, kaj la bildo, kiun li desegnas pri la granda verkistkunulo, estas intima kaj ampleksa, konfidinda kaj homa. Bunin skribas, ke Gorkij havis neŭrastenion kaj estis timema. Li volis vivi cent jarojn, lia fortika organismo batalis kontraŭ lia malsano, lia neŭrastenio kaj liaj detruaj pasioj; la tutan tagon li parolis, la tutan tagon li drinkis, kaj li fumis cent cigaredojn; ne povis bone elteni la vivon kaj ĉefe ne povis ĝin elteni sen narkoto. (Kiu ĝin eltenas?... mallaŭte kaj saĝe demandas Bunin.) Antaŭ la publiko li kondutis malaplombe kaj embarasite; kaj krom la drinkado, fumado, rolado kaj neŭrastenio, ĉiutage estis kvar-kvin horoj, kiam li laboris, kiam li reiris al la verkado. Li amis la monon« — skribas Bunin — »li amis ĉion, kio estis multa kaj granda«. Iam li kolektis malnovajn monerojn, medaletojn, juvelojn... Ankaŭ la vinon li trinkis tiel abunde kaj tre amis ĝin. Hejme li trinkis nur francan vinon, li malŝatis la vinojn rusajn. Ofte mi meditis, kiel li havas fortojn por tia vivmaniero; ĉiutage dum horoj paroli kun homoj, kaj en ĉiu parto de la tago kaj de la nokto drinki, fumi cent cigaredojn, dormi kvin aŭ ses horojn, kaj dume per delikata kaj ronda skribo verki romanseriojn kaj teatraĵojn?...« Tiu ĉi bildo, kiun desegnis Bunin, estas senteble fidela. Tiu ĉi verkisto ne estis la asketa proleto; li estis homo kaj verkisto laŭ la eblo. Sed trans ĉio kaj fore de la revolucio la »suk-

ceso« de Gorkij estas ĝuste tiu ĉi fideleco: la fideleco al si mem, al sia naturo kaj al la homoj. Nun, kiam la malespera generacio volus eduki siajn verkistojn laŭ la ekzemploj de Robespierre kaj Savonarola, ne malutilas prezenti lin kiel ekzemplon, lin, kiu naskiĝis etburĝo, kiun la neŭrastenio kaj talento portis al vagabondado, al la revolucio, portis al la senfinaj bordoj de la homa travivaĵo, kaj kiu en la revolucio povis resti kontraŭstara animo, kaj kiu en la privata vivo povis esti burĝe splena kaj nesubaĉeteble honesta homo... Gorkij, la »oficiala verkisto de la sovjetoj«, avancis en la momento de sia morto: la tuta homaro, ĉiu socio volas lin alpropriĝi. Lia »sukceso« estas absoluta kaj tamen kiom malregula!

La bildon mi rependigis al la muro. La du figurojn mi transdonu al la historio. Ankoraŭ tro proksimaj ni estas al ili, por povi tute objektive juĝi iliajn intencojn. La tempo jam pesis ilian arton kaj vicigis tiujn al la eternaj trezoroj de la homa spirito. Unu el ili, Tolstoj, antaŭ dudekkvin jaroj, sur la mortlito, diris: »La kamparanoj... kiel mortas la kamparanoj?« La alia, Gorkij, agoniis dum tagoj kaj laŭ la noto de lia kuracisto, doktoro Levine, li diris agoniante: »Estos milito, estos militoj... oni devas prepariĝi«. Nun jam ambaŭ silentas. Nur iliaj verkoj parolas anstataŭ ili, sentempe, per voĉo neniam mallaŭtiĝanta, kiel la maro. Ili havis sukceson... Kaj ĉe la krepusko de sia vivo ili ambaŭ povis tragike mediti, ĉu per ilia verkaro »la homoj fariĝis pli bonaj, pli saĝaj, pli feliĉaj«? *(L. Sp.)*

(A. S.) CHESTERTON †.

When fishes flew and forests walked
And figs grew upon thorn,
Some moment when the moon was blood
Then surely I was born;

»Kiam la fiŝoj flugis kaj promenis la arbaroj kaj kreskis figoj sur la dornarbetoj, en momento, kiam sanga estis la luno, certe tiam mi naskiĝis« diras la Azeno, »kvarpiede iranta parodio de la diablo«, en la plej fama poemo de Chesterton. Ke la fiŝoj kutimas flugi kaj la arbaroj promeni, tion malkovris la poetoj de la XX-a jarcento, la ribelantoj de la malracio, kiuj ekkonis, ke la poezio multfoje komenciĝas tie, kie haltas la sobra menso, kie la komandon kaptas la liberaj asociadoj kaj puŝas la ŝipon de l'verso al pli larĝaj maroj. Chesterton estis la heroldo kaj samtempe unu el la plej grandaj plenumantoj de la esprimismo, dadaismo, surrealismo.

Sed — vane priridas ĝin la tuta freneza naturo — la Azeno havis sian horon: »Jubilo sonis ĉirkaŭ miaj oreloj kaj palmoj sterniĝis sub miajn piedojn.« Ankaŭ la azeno apartenas al la eterne strikta ordo de la aĵoj kaj ankaŭ ĝi gloriĝas en absolutan momenton, ankaŭ ĝi havas transcendecon, kiel ĉiuj aĵoj. Chesterton estis poeto kaj heroldo ankaŭ de la Ordo. Ne tio estas la granda sensacio — li diras — se la vagonaro elreliĝas, sed tio, ke kontraŭ tiom da kontraŭaj eblaĵoj ĝi tamen alvenas ĝustatempe.

Malraciismo kaj ordo. De centjaroj, ĉiu ordo estas la ordigiteco de la menso, ni ja ne kapablas eĉ imagi alian ordon ol tiun liniitan de la menso, kaj niaj revoluciuloj estas des pli sovaĝaj, ju pli raciaj estas iliaj utopioj. Nur unu granda simbolo vivas ankoraŭ, en kiu sin trovas malraciismo kaj absoluta ordo: la katolikismo, kies absoluta ordo estas ankoraŭ cis la raciaj enordigoj de la mondo, kiu havas ankoraŭ magian kaj simbolan stampon, ĉar ĝi fontas el praaj mondsentoj, el grandproporciaj kaj neklarigeblaj travivoj de la Ordo, ne kiel la parvenue rektaj linioj de la raciismo. Tial devis Chesterton veni al la plej fama paradokso de sia vivo: al sia konvertiĝo.

La du kontraŭaj tendencoj de Chesterton, lia katolika malraciismo kaj lia katolika Ordo-estimo havas komunajn animajn radikojn. En iu el liaj malfruaj romanoj, en la *The Return Of Don Quijote* (La reveno de D. Q.), la heroo ekiras por aĉeti certajn malnovajn farbojn, kiujn li uzis infanaĝe. Sed tiujn ĉi hejme fabrikitajn farbojn oni jam nenie povas ricevi, la grandaj magazenoj jam delonge ne tenas ilin en stoko. Post longa vagado, la nova Don Quijote, en marborda urbeto, ektrovas la maljuniĝintan farbokomerciston, kiu ankoraŭ fabrikas la malnovajn farbojn... Li alvenas ĝustatempe: li sukcesas lin savi, ke oni ne fermu lin en frenezulejon.

La fundamenta travivaĵo de Chesterton certe estis la malnovaj farboj. Li estis malfruiĝinta membro de la granda prerafaelita generacio, de tiu disvastiĝinta kaj iam triumfa eŭropa familio, kiun turmentis kaj kelkfoje en nemorteman artiston suferigis la nostalgio al la perditaj koloroj, al la Maria-sonoriganta bluo de la mezepoko, kaj al ties batalema princa ruĝo.

Chesterton jam apartenas al tiu generacio, kiu scias, ke la celo de la arto estas ne la bela mensogo, sed la bela vero. Kontraŭ tia profunda forsopirado ne helpas fabeloj kaj pseŭdoplenumiĝoj. Se oni estas artisto, oni devas prezenti la nostalgion kiel nostalgion. Tial li ne verkis historiajn romanojn, sed tre modernaj artspecojn, eseojn kaj detektivnovelojn, en kiuj la nostalgio realiĝis kiel stilo, kiel koloro kaj ĉefe kiel parenteza, sekreta poezio. Lia poezio estas eĉ pli fortefika pro tio, ke ĝi aperas ĉiam neatendite el inter la malvarme brilaj linioj de iu eseo, aŭ el inter la paradokse komplikaj linioj de iu detektivhistorio.

Kaj li rekonis la praktikajn konkludojn. La praktikajn konkludojn, kiuj por la homoj de la praktiko estas tiom nepraktikaj. Kontraŭ multo li batalis kaj tiel senespere: kontraŭ la malpermeso de la biertrinkado, kontraŭ la grandbienoj, kontraŭ la grandindustrio, kontraŭ la imperialista politiko. Li batalis por nova mondo, kiu — kiel la malnova mondo — denove konsistos el malgrandaj sed organaj, komunecoj devenantaj el homaj okazaĵoj, anstataŭ la nunaj mekanike kunmetitaj gigantaĵoj, anstataŭ la mondorganizaĵoj devenantaj kiel hipertrofiaĵoj de la raciismo. Ventomuelilo-batalo ĝi estis, sed tiel ĝin deziris la nostalgio kaj la plej granda angla tradicio: la tradicio de la zigzagaj vojoj:

I knew no harm of Bonaparte and plenty of the squire,
And for to fight the Frenchman I did not much desire;
But I did bash their baggonets because they came arrayed
To straighten out the crooked road an English drunkard made.

(Mi scias nenion malbonan pri Bonaparte, sed des pli pri la bienulo, kaj mi ne havis multan emon batali kontraŭ la francoj, tamen mi frakasis iliajn bajonetojn, ĉar ili venis en militlinioj por rektigi la kurban vojon, kiun faris iu ebria anglo.)



Corinth: *La poeto Herbert Eulenberg*

LA LETEROJ DE KATHERINE MANSFIELD. (V. H.) Katherine Mansfield estas bone konata, kiel aŭtoro de la Jurnalo kaj de pluraj delikataj novel-kolektoj. Tiuj ĉi libroj havis seriozan sukceson, rekono, al kiu oni kutime aldonas: tiu ĉi verkisto estus ankoraŭ povinta doni multe... Sed la vera signifo de K. Mansfield venas al perfekta esprimo nur en ŝiaj leteroj. Tiu ĉi senpretenda volumo subite levis la nomon de sia aŭtoro inter la grandulojn de la poezio; — Keats, kaj inter la modernaj, Rilke samrangas kun ŝi. Kiam ŝia edzo, J. Middleton Murry, antaŭ kelkaj jaroj eldonis ilin, preskaŭ konsterne, spir-retene ekatentis ĉiuj, kiuj en la epoko de la literatura amasproduktado ĉiam sopire atendas la originalan kaj daŭre valoran. De tiam tuta serio da biografioj kaj kritikoj okupiĝas pri K. Mansfield — ŝiaj leteroj nun jam estas mondfamaj. En la kadro de mallonga studo estas neeble mencii ĉion, kio estas en ili menciinda; ne kiel kritikisto, sed nur en formo de marĝen-notoj mi volus emfazi la plej elstarajn belojn kaj valorojn de la libro. Denove kaj denove mi tralegis tiujn ĉi vere *simplajn* leterojn — kaj kun ĉiam pli granda raviĝo. Ilia riĉo estas neelĉerpebla: prozo ŝvebanta en la altoj de la poezio; profundaj pensoj, prezentitaj sen patoso; ne artefarita *literaturo*, sed dura realo parolas en ĉiu ĝia linio. La mistika ravo de la arto ellevas, transformas eĉ la plej ĉiutagan epizodon, eĉ la plej personan detalaĵon.

K. Mansfield mortis en la jaro 1923, en ftizo; apenaŭ ŝi estis tridekjara. La libro, kiu ampleksas dek jarojn (1913—1923), estas historio de preskaŭ senĉesa turmentiĝo. Ŝi vidas sur si la malrapidan detruon de la terura malsano — financaj zorgoj ŝin persekutas — la frato, ŝia sola proksima parenco, mortas en la batalkampo. Serĉante saniĝon, li migras sur la marbordo de Francio, en Italio, poste ŝi denove hejmeniras. Nenie trankviliĝo, nenie rifuĝo. Svisio estas la lasta espero, — kiam post kelkaj mallongaj monatoj disnebulas ankaŭ tiu ĉi espereto, denove ŝi ekvojas, nun jam sen espero, kaj vivas ĝisfine la dezertan vivon de migrantoj. Heroe ŝi kontraŭrigardas la morton, nelacigeble ŝi laboras, verkas eĉ dum la plej intensaj doloroj. »Vivi, krei — plej intense eluzi la momenton kaj elĝui ĉiun paseman plezuron, — jen la tragika *Sehnsuchtsmotiv* (motivo de sopiro), kiu re kaj revenas. Sentemo ĝisekstreme ekscitita *(sensibility)* kontraŭ kaj la malbelaj, malindaj elementoj: jen donaco de dioj. La korpan suferon mi rigardas privilegio« — ŝi skribas mallonge antaŭ sia morto.

Multaj serĉas unuavice la virinajn trajtojn en la verkoj de K. Mansfield. Sed tio povas esti nur ŝtupo al la kompreno, cetere ankaŭ danĝera, ĉar ĝi povas deformi, bari la ĝuston de la juĝo. Finfine, en la artisto oni devas serĉi la *ĝenerale homan*.

La kuraĝo estas nedisigebla de ĉia grandeco. Ĉe verkisto ĝi estas ia interna fajro, antaŭ kies senindulga lumo diseriĝas ĉio, kio ne estas sincera sento sed sentimentaleco. Charles Lamb havas mallongan studon, *The sanity of true genius* (La saneco de veraj genioj), — en ĝi li studas tiun profundan veron, ke la elstaraj talentoj ne estas abnormaj, — t. e. ke la mil formoj de la sufero ne deformas la grandajn spiritojn. La malsano sendube multobligas la akrecon de la sentemo: »Mi esperas de Dio, ke la homoj ne tute tiom suferas, kiom mi opinias — estus neeltenebla,« — skribas K. Mansfield. Sub la premo de deprimoj, de turmentoj la malforta karaktero perdas la ekvilibron — sed tiu, kies vojon lumigas la genio, sekure paŝas sur sia mallarĝa roko-vojo.

Signo de anima elasteco estas ankaŭ la bolanta humuro, kiu ofte estas nekontraŭstarebla reago de la plej malhela humoro. Ne la laca, rezigna rideto de la malsanulo ĝi estas, sed shakespeare-a gajo kaj vivoĝojo. Troviĝas en ĝi ĉiu nuanco, de la delikata moko ĝis la laŭte bongusta ridego. »Mi sentas, ke mi soifas la feliĉon kun neestingebla soifo.« Infano, hejmo, paco — K. Mansfield varmege, pasie sopiras ilin, des pli varmege, ju pli malproksimen ŝi peliĝas de la plenumiĝo. Ekstere, en la ŝtormo, la deziro estas speco de sindefendo. Ĝia atingo eble estus perdiĝo por la artisto, aŭ, kie ŝi esperis trankvilon, ŝi trovus nur ordonon por nova forŝiriĝo.

Ankaŭ la amo estas formo de sindefendo: rifuĝo el la solo. Sed K. Mansfield, la poeto, devis elteni antaŭ tiun ĉi plej malfacilan provon. Tiu (kaj ajna elstara talento), kiu »kantas sian kanton« nur al unu, rapide refalas post pasema ekflagro en la grizan muton. Por tiu ne estas progreso. Rilke belege skribis pri tio verse kaj proze: *Die Lieder kamen wie das Sehnen kam und werden mit dem Bräutigam vergehn.* (La kantoj venis, kiel la sopiro venis, kaj ili foriros kun la fianĉo.) La elvualiĝo estas tiu horo, kiam la homo destinita por kreado devas transflugi eĉ siajn plej fortajn simpatiojn; laŭ Rilke, li devas tralumi tiun, kiun li amas. Tiam senfina pejzaĝo apertiĝas por li, sed tien li povas enpaŝi nur sola. Ne la sensangan ideon de la rezigno ni tuŝas ĉi tie, sed ian laŭleĝan transformiĝon, kiu pli malpli frue okazas en ĉiu vera artisto, kaj kiu ne estas malpli tragika.

K. Mansfield diras foje al verkisto-amiko: »Ni apartenas al la Sankta Ordeno de la Artistoj.« Ĝi estas la plej severa ordeno. La »amikoj« helpas unu la alian en la batalo. Grandiozaj estas tiuj leteroj de K. Mansfield, en kiuj ŝi kritikas la verkojn de junaj verkistoj. Ŝi kredis je tiu fatala abismo, kiun la milito fendis inter du epokoj kaj ofte ŝi opiniis, ke nur tiuj verkistoj povas esti sinceraj en siaj verkoj, kiuj rekonas, akceptas tiun ĉi disiĝon. El la teruraj spertoj de la militaj jaroj devenas ankaŭ ŝi pasia pacifismo.

Ĉio ĉi eble vekos la impreson, ke K. Mansfield estas iom superece intelektul-direkta homo. Sed kontraŭe, ŝi malamis »la terure blindigan lumon de la intelektulismo«. Ŝi verkis kun senpera humuro, koloro kaj precipe kun ĉiokomprena amo pri simplaj homoj, ĉiutagaj aventuroj, pri pompo de la ĉielo kaj maro, pri plantoj kaj bestoj. — »Mi estas en mia ĉambro. Fene tro kaj pordo malfermitaj. Pensante, ke la domo estas malplena, la vento faras mallaŭtan inspektadon, zumante al si mem. La ombro de la olearbo dancas kaj ne estas alia voĉo krom tiu de la maro.« Tiuj ĉi kelkaj mallaŭt-melodiaj vortoj citas la tutan humoron de la suda regiono. La facileco de ŝia stilo apenaŭ toleras la perforton de la traduko: la mil-forma, forsaltanta spirito de la momento vivas en la leteroj de Katherine Mansfield.

Kiel ŝi prisribas tempestan tagon en sia soleca marborda loĝejo, aŭ la vintran solenecon de la svisaj montaroj, aŭ la koloron de nubo, aŭ kure forŝtelitan vizaĝesprimon, movon, aŭ malgrandurban straton, ian odoron aŭ sonon: ĉio ĉi kunportas novajn malkovrojn el la mirindaj eblaĵoj de la prozo ankoraŭ ne sufiĉe elminita. Apenaŭ troviĝis poeto, kiu sufiĉe pie kaj tenere kaptis tiujn ĉi efemerajn impresojn (simbolojn de l' pasemo); ja ankaŭ tio estas jam miraklo, se ili postvivas la krudan procedon de la plum-en-inkigo...

Tiu ĉi forta animo, kiu ĝis lasta horo fiere regis super sia rompiĝema korpo, povas esti kuraĝiga ekzemplo por tiuj, kiujn mistika leĝo vicigis inter la konstruantojn de la spirito. Laŭ ŝi, plej grave estas esti ĉiam »funda kaj vera« kaj »vivi el tio, kio estas konstanta en la animo.« Tiuj ĉi du frazoj ampleksas la esencon de la verkista kaj homa konfeso de Katherine Mansfield.

(G. B.) PROCESOJ DE WILDE. Okaze de la morto de Lordo Darling estus malfacile renovigi la diron plurokaze aplikitan: kiu memoras la nomon de la juĝisto de Wilde, dum la nomo de Wilde mem jam delonge estas senmorta? Lordo Darling antaŭ kvardek jaroj sendis en pundomon Oskaron Wilde. Li nun mortis en la aĝo de okdekkelkaj jaroj. La hodiaŭa angla amaso pli multe konas lin, ol Wilde-on mem. La poeton de la »Granatdomo« kaj la »Balado pri la pundomo en Reading« la angloj ne legas, sed la juĝoj de Lordo Darling faris grandan bruon kaj ili okupis multajn lokojn en la bulvardaj jurnaloj, ĝis li pensiiĝis. La meza angla leganto ĝenerale pli multe konas la juĝistojn ol la verkistojn. La tribunalaj debatoj havas grandegan rolon en la jurnaloj. La malluman, misteran kaj maltrankvilan fonon de la

vivo la angloj ekkonas el la tribunalaj sciigoj kaj ne el la modernaj romanoj. Ili preferas tiun fonton, ĉar la plejmultaj romanverkistoj estas suspektinde kompatemaj al tiuj mallumaj aferoj, dum la juĝistoj per koncizaj, lakonaj frazoj brulstampas la malhonestajn kaj malordajn simptomojn. Mr. Justice Avory, la plej severa juĝisto de Anglujo, estis senekzemple populara kaj okaze de lia morto eĉ kelkaj el liaj juĝitoj faris pri li honorajn deklarojn. Do estas supozeble, ke la iama juĝisto de Wilde, la antaŭ nelonge mortinta Lordo Darling, estis multe amata de milionoj da filistroj, ĉiuokaze pli multe ol Wilde. Nur la radikala »Manchester Guardian«, unu el la plej bonaj kaj plej honestaj jurnaloj, skribis diskrete en la nekrologo, ke Darling estis malbona homo kaj li tute ne havis komprenon pri la juro. La jurnalo menciis eĉ tion, ke li, senekzemple en la angla justofaro, dum la debatoj ne malkaŝis siajn politikajn sentojn, kaj la akuzatojn, se tiuj konfesis aliajn principojn, li riproĉis en neallasebla maniero kaj ekdisputis kun ili.

La kompatinda Wilde ja ne havis facilan aferon kun ĉi tiu juĝisto. La proceso havis principan signifon: la viktoriana brita moralo juĝis la iom fanfaronan »artistan liberon«. Wilde devis iri en malliberejon ne tiom pro sia seksa abnormeco, kiom pro siaj verkistaj opinioj. Iom frue li komencis en Anglio distrumpeti la principon »ĉio permesata«. Ja nur post tri jardekoj venis D. H. Lawrence, la unua angla verkisto, kiu malkovris pri si mem, ke li estas viro. Ankaŭ lian verkon konfiskis la anglaj magistratoj, same kiel la faman »Ulysses« de James Joyce, kiu nur vicigas laŭ scienca karakterizo tion, kio venas en la memoron de homo dum la tago surstrate kaj en diversaj lokoj de sia loĝejo. Wilde devis malsukcesi kontraŭ Lordo Darling, kiu reprezentis la burĝan moralon. La severa juĝisto ĉiuokaze ja havas literaturan meriton: al li estas dankebla la »Balado pri la pundomo en Reading«, la plej bela kaj plej sincera verko de Wilde, kiu neniam naskiĝus sen la pundomo.

Mi opinias, ke la posteularo eĉ pli severe truktas Wilde-on ol Lordo Darling, — ne nur la angla filistra, sed eĉ la klera eŭropa posteularo. Wilde estas pli-malpli forgesita kaj apenaŭ legata. Nur la mezeŭropaj komencaj lernantoj de la angla lingvo legas la »Feliĉan princon« post la unua volumo de la gramatiko de Plat. Liaj samtempuloj almenaŭ indignis pri la verkisto de »Dorian Gray« kaj per tio ili plenumis lian deziron. Sed la posteularo kun malŝata gesto neglektas la iom dandan korupto-kulton de Wilde. Lia cinikismo, kiun iam oni admiris, nun jam efikas tede. Sarkasma supereco, malvarma spektiko kaj sprita kruelo hodiaŭ estas vera nur ĉe Aldous Huxley, kiu havas pli profundan, pli veran, pli riĉan skalon kaj krome estas pli humura, ol Wilde. Sed la juĝo de la posteularo tamen estas maljusta. Ĉiu artisma akuzo, kiun oni mencias kontraŭ Wilde, estas vera kaj tamen li estis granda verkisto. Babits en sia literaturhistorio bone elmontras, ke la plej multajn el siaj verkoj li ĉerpis el la verkoj de aliaj verkistoj. La fonto de liaj fabeloj estas Andersen, la verko »Dorian Gray« estas la eĥo de la »Azenfelo« de Balzac, la »Salome« dramigas la »Herodias«-on de Flaubert kaj ankaŭ la plejparto de liaj studoj kaj poemoj ne estas tute originala. Babits tamen ŝatas lin — kaj prave. Malgraŭ la imitemo, la stilaj ekstravagancoj estas en li io originala, io ĉarma. Mi ne povas diri, kio ĝi estas. La sekreto de la verkista individueco estas neesplorebla. Tiu ĉi verkisto subtile plagiatis, »reverkis« ideojn, li ofte parolis afekte kaj artifike — kaj tamen, el ĉiu lia verko kun kontinua efekto elradias lia individueco. Kiel forta devas esti tiu individueco, se ĝi penetris eĉ tra tiom da artefaritajoj! Tiun ĉi supozon poste pravigas lia lasta verko: La pundoma balado. Tie li ne plu estis subtila; la danda naturo ĉesis. Tie klariĝis, kio estas malantaŭ la pozoj kaj prunteprenitaj fanfaronajoj. La kostumon de la »dekadenca« artisto forjetis la sentema, suferanta, malmultvorte sincera homo. Klariĝas, ke Wilde povas verki ankaŭ senartifike — simple kaj monumentale. Pri la mizero de pundomo, pri la agonio de mortkondamnito, pri la morala bankroto de la justofaro li verkis kun tiel intima simpleco de popolkanto, kiel kapablas verki nur vere grandiozaj poetoj. Lian vivon ruinigis la stulta juĝo de Lordo Darling, sed ĉi tiu juĝo ankaŭ kreskigis kaj nobligis lian verkistan individuecon. Kontraŭ la estetika juĝo de la posteularo jam estus dece renovigi la proceson. Wilde denove devus esti malkovrita, same kiel multaj aliaj, kiujn oni juĝis »malmodernaj« verkistoj, inter ili Anatole France, Zola, Ibsen. La posteularo, de kiu la verkistoj kutime esperas tre multe, kelkfoje estas surprize nekomprenema. Ŝajne, nur la tute maljuna posteularo estas justa. La homoj kontraŭ la patroj estas severaj kaj ili estas indulgaj nur al la avoj. *(L. Sp.)*

VIRO DE SIA TEMPO. *La persono de Oliver Cromwell.*

Ekzistas personoj, kiujn oni kredas koni tre bone, en ĉiuj iliaj fortoj kaj malfortoj, iliaj faroj kaj malfaroj, kaj kiuj tamen estas tute aliaj, ol la bildoj, kiujn oni imagis pri ili. Oliver Cromwell, la Lord-Protektor, la estro de Anglujo, apartenas al ĉi tiuj homoj. Ĉiam denove oni provas ekkoni lian veran personecon kaj estas ŝanĝataj la ĝisnunaj opinioj pri li. Tio okazas ankaŭ per la interesa nova libro, en kiu Hilaire Belloc entreprenas la ĝeneralan revizion de la ĝisnunaj esplorrezultatoj kaj opinioj pri la fama batalanto kaj ŝtatviro.

De la tago, konstatas Hilaire Belloc, kiam la reĝo post la morto de la Lord-Protektor denove komencis sian regadon en Anglujo, proksimume dum cent kvindek jaroj fluis riverego da malamo trans super Cromwell. En la memoro de la respublikanoj el la epoko de la enlanda milito, li vivas kiel perfidulo de ilia afero. Honorindaj viroj, kiu havis aferojn kun li, ŝokiĝis pri lia duba lerteco. La premegaj impostoj, sen kiuj ne estus ebla la armita povomontro, incitis la malamon de la poseduloj. La rememoroj al la milittumultoj kaj la posta mizero vekis la koleron de la subaj klasoj. Ĉi tiuj fortoj kreis la unuan Cromwell-legandon, kiu estis kredata dum la dekoka kaj frua deknaŭa jarcento.

Sed estiĝis kontraŭopinio, kiu montriĝis pli profunda kaj forta, kiam oni komencis serioze trakti la historian esploron. Formiĝis nova legendo, kies forto estas sentebla ĝis la nuntempo. Laŭ ĉi tiu dua mito, skribas Belloc, Cromwell estas nacia heroo; la afero, kiun li defendis, ŝajnas justa kaj pli ol tio, ĝi ŝajnas la afero de Anglujo kaj ankoraŭ pli, ĝi ŝajnas la afero de la mondo. Laŭ ĉi tiu varianto la Lord-protektor nenion faris, kio iamaniere ne estus ĝusta; liaj sukcesaj agoj estas priskribataj kiel agoj geniaj, liaj malsukcesaj agoj kiel elprovoj kaj malhelpoj. Pro tio Hilaire Belloc klopodas distingi la esencan disde la malesenca, la partian konstaton disde la vero. Li vidas en la Lord-protektor geniulon en la dispono pri la kavalerio, taktikulon de plej unua rango. Kontraŭe, li samopinias pri tio, ke la furioza kontraŭulo de Karlo I. malgraŭ la tuta brilo de lia mallonga publika kariero, postlasis nenion daŭran, ke li nenion surkonstruis, ke nenia daŭranta ago parolas por li. Ne ekzistas leĝolibro, granda ŝtata konstruaĵo, eĉ ne militara organizaĵo, kiu estis de li kreita. Nur sola afero pozitiva kaj restanta prosperis al Cromwell, skribas Belloc sarkasme: liaj batoj. Lia senkompata programo malsuprenigis Irlandon en staton, el kiu ĝi neniam povis leviĝi. Tio nature estas severaj, tre kondamnaj konkludoj, sed ili estas diritaj kun multe da sprito kaj temperamento. Oni do vidas: ĉi tiu prijuĝo estas tre diferenca de la Carlyla heroo-admiro.

Kelkaj ĉapitoj el la libro montru ĝian manieron kaj iom orientigu pri la enhavo. Por ĉi tiu celo ni elektu unue la ĉapitron, kiu priskribas la ekzekuton de reĝo Karl I. kaj kiu provas klarigi, kian parton Cromwell havis en ĉi tiu tragedio.

»Marde, la 30-an de januaro 1649, kiam jam ĉio estis preparita per la morto de la reganto, kaj la maskitaj ekzekutistoj jam atendis, ili ankoraŭ bezonis ekzekutordonon. Cromwell estis en la ĉambro de sia bofilo. Ĉeestis ankaŭ kolonelo Harrison kaj kolonelo Huncks. Unu el la viroj devis subskribi la ordonon. Ĉar ili ŝajne

hezitis, Cromwell turnis sin al Huncks kaj invitis lin subskribi. Ĉi tiu rifuzis. La ordon-papero ankoraŭ sen subskribo kuŝis sur malgranda tablo; inko kaj plumo estis pretaj. Nun Cromwell mem kliniĝis super la papero kaj ĝin subskribis, dum li nomis Huncks-on obstina frenezulo. Tiel fine, post ĉiuj malfruoj, kiuj estiĝis per la serĉado de ekzekutisto kaj per la klopodoj pri la subskribo, ĉio estis preta por la ekzekutisto.

Dum la ekzekuto, Cromwell, ĉe la pordo de sia domo en Queen Street, starigis gardistojn, por ke Fairfax, kiu ne konsentis la ekzekuton kaj kies edzino estis laŭtigita sian faman proteston, ne provu liberigon. Ekzistas rakonto, kies kredindecon oni povas akcepti aŭ malakcepti, ĝi estas de tiel drama speco, ke multaj pridubas ĝian verecon, sed ĝi ne ŝajnas malebla. En la ĉambron, kie kuŝis la kadavro de la reĝo, je la vespero eniris persono, en kiu iu gardisto rekonis Cromwell-on. La enirinto iom levis la tukon kaj rigardis la vizaĝon, kiu aspektis trankvila eĉ post la morto. Oni aŭdis murmuri la vizitanton: »Kruela neceseco!«

Kiel mortis Cromwell, priskribas alia ĉapitro: Vendrede, la 27-an de aŭgusto 1658, raportas Belloc, la febroatakoj, kiuj skuis la Lord-protektoron estis tiel fortaj, ke oni timis, ke li ne transvivos la nokton. La sekvantan tagon ili duobliĝis. Lunde leviĝis forta ventego, pri kiu oni en tuta Eŭropo ankoraŭ longe memoris. Cromwell mallaŭte parolis antaŭ si mem kaj tage kaj nokte ĵetiĝadis en sia lito. La vortoj, kiujn li flustris, venis el la profundo de lia animo; ili estis seninterligaj kaj malklaraj. Evidente ili estis preĝoj per la nacio, por Anglujo, poste la re kaj renovigita, sed malcerta firmigado de sia elektiteco. En klara momento Cromwell demandis predikiston, ĉu estus eble perdi la gracon. Ne, oni certigis al li. La sanktuloj devas esti liberaj de kulpoj. Ĉu ne estas legebla tiel en la libro de Calvin? La malsanulo iom malpeziĝinte ekĝemis kaj diris: »Mi scias, ke mi iam troviĝis en graco.« Sed la timoj denove revenis. Oni aŭdis, kiel Cromwell en la ardoforno de sia forbrulanta spirito jesas la dian amon kaj tamen ĉiam denove murmuras ion timigite. Ĵaŭde, la 1-an de septembro, Oliver Cromwell trankviliĝis. Tiuj, kiuj plej multe estis interesataj pri tiaj asertoj, klarigis, ke ili aŭdis, kiel li elparolas la nomon de sia plej maljuna filo, ŝanĝeliĝante tien kaj reen ĉe la rando de sia vivo. Dum la tuta nokto la Lord-protektor flustris daŭre la dogmojn de sia religio. Poste sekvis longa silentado, kiu daŭris ĝis la mateno kaj tagmezo. Li ne plu ekkonis ion teran kaj posttagmeze li mortis. Estis la jarotago de la grandaj bataloj.

Post kiam oni balzamis la mortintan Cromwell, oni metis reĝe vestitan vaksofiguron de li sur pompolito kaj sur la kurtenoj oni fiksis liajn titolojn kaj lian nomon. Jen la figuro kuŝis en plena pompo, por ke la popolo ĝin rigardu, dum ĝi preteriras. Sed flanke kelkaj fideluloj gardis Cromwell-on sur lia soleca mortokuŝejo.« Tiel Hilaire Belloc.

Se oni legas lian kritikan libron, oni vidas preterpasi la genian kavaleriestron, la malamikon de la reĝo kaj la severan diktatoron. Kaj ĉirkaŭ la persono viviĝas la tumulta tempo, kiu levis kaj portis lin, kiu lasis atingi al li la plejalton kaj kiu tamen multon rifuzis al li. Estis senbridaj jaroj, jaroj de sangaj bataloj, kiuj donis pli al la militisto ol al la ŝtatviro. Kio estus fariĝinta el Cromwell, kiu propre nur kiel kvardektrijarulo paŝis en la antaŭajon, en alia epoko? Ĉi tiu demando akompanas la leganton seninterrompe ĉe la legado. Gia respondo estas same malfacila, kiel tiu de ĉiuj similaj demandoj.

*F. W. V.*

## STRANGAJOJ PRI LA RIDETO.

Ke la rido estas donita nur al la homo kaj lin, kiel la lingvo diferencigas de la besto, oni jam ofte akcentis por signi la altan valoron de ĉi tiu kapablo. Jam Aristotelo observis, ke la infanoj pli frue ploras ol ridas kaj el tio konkludis, ke la rido komenciĝas nur kun la ekheliĝo de la spirito. La poetoj laŭdis ĉi tiun gajigon de la mieno kiel la videbliĝon de la anima ĉarmo, kaj klera pastro eĉ volis konkludi el la tonsekvo de la rido pri la diversaj temperamentoj. Li opiniis, ke la kolerulo ridas *hahaha*, la flegmulo *hehehe*, la melankoliulo *hihii* kaj la sangvinulo *hohoho*.

Karl Julius Weber, la »ridanta filozofo« plivastigas ĉi tiun psikologion de la rido: »Laŭ regulo, la plena laŭta rido esprimiĝas per A; la moka rikana proksimiĝas al E; la gorĝrido de la junularo kaj de la bela sekso similas al I (sed ankaŭ tiu de la »sorĉistinoj«); la gaja rido de la surpriza ĝojo al O, kaj la U ŝajnas farita por la ploro aŭ por la rido ĝis la sufoko, ĉe kiu oni estiĝas ruĝa kaj blua. Laŭregule, la viroj ridas per A kaj O, la virinoj per E kaj I.«

La amaran, devigatan ridon la praul̂oj nomis »sardona«, ĉar ili komparis ĝin kun la spasma kuntiriĝo de la ridmuskoloj, kiu estas kaŭzata de la »ridherbo« (apium risus) sur la insulo Sardinio. Ke tro forta rido povas dolore efiki, ĉiu scias. Oni parolas ofte eĉ pri »mortridi sin« kaj ke tio ne estas nura frazo, volis pruvi instruitulo de la baroko, R. Textor, en latine skribita libro, en kiu li priskribas grandan aron da viroj, kiuj, laŭ onidiro, mortis pro troa rido. Li priskribas ĉi tie inter aliaj la grekan pentriston Zeuxis, kiu estis sin mortridinta pri maljuna virino de li mem pentrita, kaj la famaĉan verkiston de la renesanco, la »princo-skurĝon« Pietro Arentino, kiu ĉe orgio tiel forte ridis, ke li sveninte falegis de la seĝo kaj ne plu rekonsciiĝis.

Pli ofte oni akcentis la bonan efikon de la rido kaj rekomendis ĝin eĉ kiel sanigilon. »Rido estas sana«, diras la proverbo. Minna von Barnhelm de Lessing diras »Rido faras nin pli prudenta ol ĉagreno, ĉar oni pli ĝuste prijuĝas la cirkonstancojn.« La granda angla humoristo Sterne diras: »Se oni ridetas, kaj ankoraŭ pli se oni ridas, oni ion aldonas al la malgranda tempospaco de la vivo.« La fama holanda kuracisto Sydenham asertas, ke la alveno de arlekeno en urbeto estas duoble pli valora ol la alveno de dudek azenoj sarĝitaj per medikamentoj. Dank' al la spritaĵoj de amuzistoj ĉe la manĝotablo, la altaj sinjoroj promesis al si bonan efikon je ilia digesto. Ĉi tiu bona efiko ankaŭ tute serioze estis observata de multaj kuracistoj. La franca kuracisto Tissot skribis libron, en kiu li diras, ke per la rido danĝeraj abscesoj estis malfermitaj; estis forigita la angla malsano ĉe infanoj, se oni tiklis kaj per tio ridigis ilin. Rido, laŭ li, kuracas stomakdolorojn kaj hipohondrion kaj estas sendanĝera ilo kontraŭ intestaj gasoj.

Erasmus de Rottterdam foje raportas, ke li devis tiom ridi pri leteroj, ke pro tio al li diskrevis absceso. Kiam Gleim vizitis la vunditan poeton de la printempo, Ewald von Kleist, li laŭtlegis al li iun el siaj plej gajaj kupletoj. Tiu ekridis pri ĝi tiel, ke krevis al li arterio kaj la vundkuracisto diris, ke tio estis granda feliĉo por la paciento, kiu ĉe tio kvazaŭ faris mem al si sangeltiron.

La aŭstria ŝtatisto von Born estis jam rigardata de la kuracistoj kiel nesanigebla. Eniris nigrulo la ĉambron, kiu estis sendita de la imperiestrino Maria Terezia, por demandi pri lia sanstato. Lia fratino, kiu timis pri la beato de la liberpensulo, ekkriis: »Sinjoro Jesuo, jen prenos lin la diablo!« Pri tio Born tiel elkore ridis, ke li resaniĝis.

Malbonhumoraj homoj plej ofte estas maldikaj kaj la praul̂oj asertis, ke ĉe homoj, kiuj neniam ridas, jam per tio montriĝas malsano de la animo. Ke afabla rideto en la societo rekomendas, estas malnova regulo, kiu estas donita en multaj »konvenec-libroj«. La »keep smiling« de la amerikanoj same postulas ĉi tiun konvencian gajecon, kiu nature povas ridigiĝi ĝis senanima malpleno.

Malnova germana proverbo avertas: »Ne ĉiuj estas amikoj, kiuj nin alridas. »Ke oni per rido povas gajni ankaŭ batalojn, pruvas epizodo en la egipta militiro de Napoleono. Kiam la divizio Friants estis atakita de la araboj, li donis la ordonon: »Formi kvarangulon, la azenojn kaj la scienculojn en la mezon!« Pri tio estiĝis en la francaj vicoj tia laŭta ridado, ke la araboj forkuris. El ĉi tiu okazaĵo deduktis la prusa generalo von Bülow la instruon, ke la soldatoj ridante ataku, por malkuraĝigi la kontraŭulon.

*F. W. V.*

# Kelkaj opinioj pri la lastaj libroj de AELA kaj Literatura Mondo

## ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO

Redaktis: O. Ginz kaj Stan. Kamaryt. 468 paĝoj, + 32 paĝoj kun ilustrajoj. Formato 16×23 cm. Prezo: broŝ. 7.—, bind. 7.90 sv. fr. + 10%.

... Kiu jam havas en sia libroŝranko la jam aperintajn Antologiojn, certe ne hezitas havigi ankaŭ tiun ĉi, kaj kiu ankoraŭ ne komprenis la grandan artvaloron de la Antologioj, komencu per la Ĉeĥoslovaka — poste li certe aĉetos ankaŭ la aliajn.

*Svenska Esperanto Tidningen.*

... trideko de reprezente elektitaj bildoj ornamas la libron, kies preso kaj bindo indigas al ĝi la ŝaton de ĉiu, kiu amas belajn literaturajojn.

... Vidpunkte de traduko ĝi estas de la kutime bona nivelo antaŭvidebla je la eldonoj de Literatura Mondo.

*The British Esperantist.*

La eldonintoj havis la bonan ideon aldoni al la verko reproduktajojn de ĉeĥoslovakaj pentristaj kaj skulptistaj verkoj.

... la lingvajo — entute tre bona — estas mirinde unuformeca.

*Esperantobladet.*

La verko estas vere impona... oni povas konstati, ke estas bonaj tradukoj ĉerpitaj el la ĉeĥoslovaka literaturo...

... Ĉiu kiu deziras bonan libron devas akiri ĉi tiun, ĉar ĝi estas vera trezoro por ĉiu art-amanto.

*Svenska Arbetar Esperantist.*

La libro estas belaspekta kaj impona. ... De poemo el la 14-a jarcento ĝis la plej moderna literaturo, oni povas ĉion interesan trovi en tiu volumo...

*La Socialisto.*

... sukcesis prezenti de ĉiu verkisto kaj poeto nur la plej karakterizan kaj nelongan verketon.

... La lingvo de la traduko estas ĝenerale tre bona.

*I. Lejzerovicz.*

## Axel Munthe: Romano de San Michele

Tradukis: Jenny Weleminsky. 512 paĝoj. Formato: 13.5×20 cm. Prezo: broŝ. 5.40, bind. 6.40 svfr. Luksa bind. 7.40 svfr. + 10%.

... Ke nun ĝi aperis ankaŭ en Esperanto estas gratulinda kaj por la eldonejo kaj por la granda esperantista publiko, kiu lastnomita certe kun ĝuo akceptas la aŭtobiografion de la sveda kuracisto.

... oni ĉiam kun streĉeco legas la libron ĝis fine.

*Svenska Esperanto Tidningen.*

La eldono de Esperanta traduko de ĉi tiu konata angla verko certe estas tre bonvena.

... la traduko estas majstre farita.

*The British Esperantist.*

... La vera enhavo de la verko estas la memorajoj de la aŭtoro pri siaj amikoj, siaj klientoj, siaj aventuroj, memorajoj iom belaranĝitaj...

... Ĉio tio estas fabelita kun korsimpleco, senafekteco, kun malamara ironio, kiu trafas tiom lin mem kiel la aliajn homojn...

... La traduko estas surprize ĝusta, bela...

*G. Waringhien.*

## Jerome K. Jerome: Tri Homoj en Boato

Tradukis: G. Badash 256 paĝoj. Formato: 13×19 cm. Prezo: broŝ. 2.80, bind. 3.60, luksa bind. 4.50 svfr. + 10%.

La burleskaj rakontoj, la tuŝoj de kvieta humoro, la sentimentala monologado patose rompita de io ŝoka aŭ ridiga — ĉio estas tie...

... kaj li tiel sukcesis kapti la spiriton de la libro, ke oni tute ne sentas, ke oni legas tradukon.

*The British Esperantist.*

Al ĉiuj esperantistoj kiuj povas alte taksi kaj ŝati la veran anglan humoron, tiu ĉi verko certe alportos grandan ĝojon.

*Belga Esperantisto.*

Estas bona humoro en tiuj paĝoj. ... Rezultas do sufiĉe da komikaj, ridigaj situacioj dum la boatveturo, kiuj estas prezentitaj en agrabla formo de la aŭtora plumo. ... La traduko estas senriproĉa.

*Sennacieca Revuo.*

... La rakonto en si mem estas tre simpla, pri trio de viroj, kiuj ekskursas dum kelka tempo en boateto, esplorante la historion, la trinkejojn kaj la ĉiutagajn aventurojn, kiujn prezentas la Tamizo.

*K. R. C. Sturmer.*

## Edmond Privat: Interpopola Konduto

Formato: 13×19 cm. Prezo: broŝ. 1.80 bind. 2.60, luksa bind. 3.50 svfr. + 10%.

Grava verko, pliriĉiĝo de nia originala literaturo. En sia majesta maniero, vastvide, S-ro Privat priskribas, eĉ sekcas la nunan mondsocion...

... malkovras eviindan konon pri la internacia politiko kaj ĝiaj kurbaj vojoj. Libro kiun devas legi ĉiu, kiu ne pensas nur pri si mem.

*Svenska Esperanto Tidningen.*

Kun majstra rezonado Privat penetras la nebulecan mistikismon vualantan la naciistan fervoron.

Lia multa sperto ĉe la Ligo de Nacioj ebligas al Dr. Privat skizi aŭtentike la reagojn de diplomatoj en ilia intertraktado.

*The British Esperantist.*

Per multaj ekzemploj la aŭtoro vidigas al ni kiel iom post iom ŝanĝiĝis la konduto inter la homoj... la libro donas tiom da profundaj pensoj kaj observoj, ke ĉiu esperantisto devus ĝin posedi kaj ofte tralegi.

La lingvajo estas flua kaj bona kiel ĉiam ĉe Dr. Privat.

*Esperantobladet.*

Ekonomiaj, juraj, politikaj studoj abundas.. sendube E. Privat sukcesis en la tasko kiun li difinis al si.

*Sennacieca Revuo.*

... Dr. Privat montras la konfliktojn inter la militrezistantoj kaj naciistoj, inter la eklezio kaj la ŝtato, inter la laboristaro kaj la registaroj.

... Oni ne serĉu en ĉi tiu verko alion, ol kion la aŭtoro volis meti en ĝin: klarvidan analizon de la nun kunpuŝiĝintaj fortoj, kaj provon, distingi la direkton de la evoluo.

*G. Waringhien.*

## K. Kalocsay—G. Waringhien: Plena Gramatiko de Esperanto

Vorto kaj Frazo. 372 paĝoj. Formato: 23.5×15.5 cm. Prezo: broŝ. 6.—, bind. 7.10, luksa bind 8.10 svfr. + 10%.

La ĉefa tendenco de la verko estas »Konstati ne proponi«... la rezulto de la laboro estas verko altvalora, superanta laŭ kompleteco kaj fidindeco niajn ĝisnunajn gramatikojn.

Por ĉiu serioza esperantisto la libro estas preskaŭ neelĉerpebla fonto de ĉiuspeca gramatika studado.

Al la aŭtoroj la tuta esperantistaro ŝuldas grandan dankon.

*Heroldo de Esperanto.*

... ĝi meritas ĉies atenton kaj varman rekomendon.
*Bulteno de E. A. en ĈSR.*

La libro estas posedinda precipe por iel verkemaj esperantistoj.

Nepre oni devas agnoski kaj admiri la faritan laboregon....
*Verda Revuo.*

... ĉi tiu librego kondukas nin tra vera labirinto de malfacilaĵoj kaj subtilaĵoj: ... La ruĝa fadeno estas la gramatiko de l' Fundamento....
*Esperantobladet.*

... Kun dankemo ni esperantistoj sincere gratulas niajn samideanojn pro verko, kiu dum longa tempo povas servi ne nur kiel trezorejo de niaj lingvaj formoj, sed ankaŭ kiel modelo eĉ por la verkado de gramatikoj nacilingvaj.
*W. E. Collinson.*

## I. Lejzerovicz: El la Verda Biblio

kaj Babiladoj kun Horaĉio Serĉer. Humoraj skizoj el la vivo de esperantistoj. Ilustrita de R. Laval. 104 paĝoj. Formato: 11.5×13.5 cm. Prezo: broŝ. 0.90, bind. 1.50, lukse bind 2.20 svfr. + 10%.

... oni kun sciemo kaj humora sento legas la pikajn kaj satirajn eldirojn pri okazoj kaj personoj en nia movado.

... la stilo kaj lingvo estas neriproĉinda.
*Svenska Esperanto-Tidningen.*

... la aŭtoro verkas en klara, bona esperanto.
*Sennacieca Revuo.*

La aŭtoro avertas, ke li verkis tiun libreton en frivola inspiro kaj tio estas vera: tie oni povas ridi...
*La Socialisto.*



## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek,
**Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson,
**Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29, poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista
Asocio **London** W. C. 1. 142 High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto«
**Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR.
Praha XIX 417. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 12371

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21.
Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo
**Paris** 6e, 11 rue de Sèvres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 10601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat,
**Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria
Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo
**Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Tajivaldo Indra,
**Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7

**NEDERLANDO:** A. C. van Ingen, Rotterdam W. Schiedamschewege 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako.
Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99.
P. K. O. W. Nr. 27807.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira,
**Lisboa,** Av. Duquê de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. **Bravilor** 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto,
**Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca,
Katharinengasse, 11 **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto
**Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: **Tokio** 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto.
Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd.

**ATENTU!**

Ni aldonis al ĉi tiu numero la

**Programon de AELA 1936.**

Tralegu kaj tuj anoncu vian aliĝon!

La rezulto de la **TRADUKKONKURSO** aperos en la sekvonta numero ĉar ni ne ricevis la juĝon ankoraŭ de S-ano Benner.


Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.